Xª jaro. Nº 147 (11) ☆ Duonmonata ☆ 20 Junio 1913

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

ABONO

| | | |
|---|---|---|
| **Jara abono** | **2. — Sm.** | (5 fr. —) |
| **Luksa eldono** | **2. 50 Sm.** | (6 fr. 25) |

*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato*
*Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*

REKLAMO

| | | |
|---|---|---|
| **Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) | **20 Sd.** | (50 ct.) |
| **Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) | **16 Sd.** | (40 ct.) |
| **Korespondado** (1 enskribo) | **20 Sd.** | (50 ct.) |

*Rabato da 10 % por 4 enpresoj; 25 % por 12 enpresoj; 50 % por 24 enpresoj*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

TEKSTO

*La principoj de la internacia organizo*, A. R.

**Socia Vivo:**

*El Nova Zelando*, J. A. Hodges.
*La dudekkvarhora tempdivido*, J. Kaszycki.
*Rusaj verkistoj: V. Korolenko*, Iv. Seriŝev. — *Notoj.*

**Literaturo:**

*Tra la Esperanta literaturo*, Verto.

**Esperantismo:**

*Bileto de blankbarbulo*, Th. Cart.
*Oni Kongresas.* — *Kroniko.*
*Esperantista Kalendaro.*
*Naŭa Universala Kongreso de Esperanto.*
*Diversaĵoj.* — *Tra la gazetaro.*

**U. E. A.**

*Oficiala informilo.* — *Novaj Delegitoj.*
*Praktikaj demandoj.* — *Esperantia Vivo.*
*Esperantia parolejo.* — *Alvokoj.*

NUNTEMPAĴOJ

## La principoj de la internacia organizo

De la 15 ĝis la 19 Junio okazas en Gento kaj Bruselo la dua Mondkongreso de la Internaciaj Asocioj, ĉe kiu UEA estos reprezentata de S-roj H. Bolingbroke Mudie kaj Vermandel, Del. en Antverpeno. Je tiu okazo, ŝajnis al ni interese resumi, en formo de tezoj, la principojn kaj la faktojn, kiuj estas la bazo de la agado de l'Unio de la Internaciaj Asocioj, kiajn ajn rezervojn oni povas fari pri kelkaj el tiuj tezoj.

I. *La Homaro ĉiam celis al pli kaj pli vastaj organizoj.* La ĝenerala progreso dependas tiel multe de la organizo kaj de la kresko de la sociaj interrilatoj kiel de la scienco, de la edukado kaj de la laboro. Tial, la ĉiama penado de la Homaro celis konstante plimultigi la rilatojn inter la homoj kaj konkretigi tiujn interrilatojn en konstantajn fiksajn organismojn. Komence, estis la familio kaj la familiaro, poste la civito, pli malfrue la graflando aŭ la duklando. Poste aperas la grandaj modernaj regnoj, el kiuj kelkaj, dank'al sia federala organizo, ampleksas dekmilionojn da homoj en sama tuto organizita.

La lasta etapo de tiu evolucio ne estas plenumita. La logiko kaj la fakto montras, ke ankoraŭ pli larĝa organizo ekformiĝas; tiu organizo ampleksos ĉiujn nunajn civilizaciojn kaj politikajn grupiĝojn.

II. *La spontanea evolucio al la internacia organizo devas fariĝi konscia kaj sistema.* La formado de internacia superstrukturo estas spontanea. Tamen, multe helpos se en ĝia kreskado oni intervenas per konstanta kaj prudenta agado. Oni tiel povas plirapidigi ĝian plenumiĝon. Oni ankaŭ povas pli bone harmoniigi ĝiajn elementojn, laŭ la spertoj de la estinteco kaj raciaj postuloj.

III. *La internacia organizo devas konservi la naciajn organizojn.* Nenia el la sociaj organizoj, formitaj en la daŭro de la tempo, neniigis la antaŭajn organizojn. La familio, la civitoj, la provincoj restis vivantaj organismoj interne de la modernaj regnoj. Tiuj lastaj eĉ ne povas ekzisti sen ili. Ili staras unu super la alia. Same la internacia organizo kontraŭstaros al nenia el la ĝis nun ekzistantaj grupiĝoj. Ĝi plilarĝigos kaj plibeligos la patrujojn; ĝi ne detruos ilin.

IV. *La internacia organizo celas la mondajn kaj universalajn rilatojn.* La internacia organizo ne estos simpla kopio de la naciaj organizoj sur pli alta ŝtupo. La vivo de regno, ekzemple, ne estas ekskluzive la adicio de la vivo de ĝiaj malnovaj provincoj. Al ĉiu grado de la socia vivo respondas specialaj rilatoj. El tio sekvas la varieco de la sociaj organismoj kaj la diversa aranĝo de la organoj, el kiuj ili konsistas. La rilatoj de la internacia vivo ankaŭ estas malsamaj en sia esenco. Ĉerpante ĉion necesan el la naciaj aŭ regionaj organizoj, la internacia organizo devas antaŭ ĉio esti formata laŭ siaj propraj bezonoj.

V. *Ĉia organizo devas konsideri la teritoriajn grupiĝojn kaj la fakajn grupiĝojn.* La internacia organizo devas prikonsideri la duoblan direkton, laŭ kiu evoluas la sociaj strukturoj. Unuj bazas sur la loko; ili organizas ĉiujn homajn aferojn en la limoj de sama teritorio. La aliaj bazas sur la funkcio; ili organizas ĉiujn similajn aferojn sen atento pri la teritorio. La disvolviĝo de tiu fenomeno karakterizas precipe la lastatempan evoluadon de la regnoj. Ili ne nur funkciigas la lokajn kaj regionajn organizojn; pli kaj pli ili tendencas doni pli-malpli memstaran organizon al ĉiu el la grandaj funkcioj de la nacia vivo: la instruado, la higieno, la transportoj, la ekonomia vivo estas reprezentataj de grandaj centralizitaj administracioj, kiuj havas propran celon kaj konstante influas la pure teritorian agadon de la komunumoj, de la distriktoj, de la provincoj.

La fortoj, kies funkciado estas kreanta la mondan organizon, agas en novaj sferoj; ili do ne multe renkontos la malhelpojn de la estinteco kaj de la tradicio. Tial oni kun pli granda libereco povas ekzameni la problemojn, kiujn en la socia organizo naskas la dueco de la loko kaj de la funkcio.

VI. *La movado al la internacia organizo estas duobla: unu, la organizo de la regnoj (teritorioj); alia, la organizo de la internaciaj Asocioj (fakoj).* La movado por la internacia organizo konsistas el du malsamaj movadoj:

La unua estas tiu de la *regnoj*. Ili estas la plej larĝa organizo el ĉiuj grupiĝoj havantaj teritorian bazon. Sed al ili estas pli kaj pli neeble vivi en plena sendependeco unu de la alia. Ĉar ĉiutage pli multe kreskas la reciproka sindependeco, kreskas samtempe la neceseco doni al ĝi firman kaj konstantan formon. La formado de internacia aŭ konvencia juro pli kaj pli vasta, la starigo de internacia tribunalo, estas la palpeblaj rezultatoj de tiu movado.

La dua el la movadoj por la internacia organizo estas tiu de la *internaciaj Asocioj*. Ili organizas funkciojn, specialajn agadkampojn; ilia plena sendependeco unu rilate al la alia estas tiel neebla kiel la absoluta sendependeco de la regnoj. El tio naskiĝis la movado de la internaciaj Asocioj, kiu celas kunfederi ĉiujn fakajn grupiĝojn, kiujn reprezentas la internaciaj Asocioj.

VII. *Necesa estas monda konstitucio, kiu donas lokon al la naciaj kaj teritoriaj fortoj (la regnoj), kaj al la fakaj fortoj (internaciaj Asocioj).* La du movadoj al la internacia organizo (regnoj-teritorioj kaj asocioj-fakoj) ne estas sen interrilato. Ili celas al organiza formo, kiu iam ilin ambaŭ ampleksos kaj estos esprimata per monda konstitucio. Kiel ĉia konstitucio, tiu ĉi celos realigi la ekvilibron de la diversspecaj fortoj kaj doni al ĉiu el ili proporcian parton de reprezentado kaj povo. Jam sur la ŝtupo de la nacia organizo, ĉiu regno devis en sia interna konstitucio kunakordigi la necesaĵojn de la teritoriaj dividoj kun la necesaĵoj de la grandaj ĝeneralaj funkcioj, kiuj ampleksas la tutan landon. En kelkaj regnoj la ekvilibro estis atingita per la kunekzisto de pluraj ĉambroj elektitaj sur malsama bazo kaj harmonie kunlaborantaj je la regado de l'tuto (ekz. la Reichstag kaj la Bundesrat en la Germana Imperio). Por la estonteco la serĉado de monda konstitucio sin trudas. Ĝi devos dispartigi inter la asociitaj regnoj kaj la kunfederitaj Asocioj la diversajn povojn de leĝofarado, justeco kaj efektivigo.

VIII. *La internacia paco per si mem realigas nur unu el la aspiroj al internacia organizo.* La problemo de la tutmonda paco estas nur unu el la aspektoj, kiuj sin trudas al la internaciaj priokupoj. Tio ne estas la unika problemo. Interne de sama regno la anstataŭigo de la perfortaj bataloj per reĝimo de ordo kaj trankvileco fariĝis simpla funkcio de polico. Tiu polico ampleksos en la estonteco la interrilatojn de la regnoj. Sed la interna paco estas nur unu el la bonoj de la civilizacio. Aliaj estas ankaŭ komisiitaj al la ŝtato: la higieno, la instruado, la progreso de la intelekta kulturo, la ekonomia prospereco, k. t. p. Tiuj bonoj estas nuntempe internacie dezirataj, kaj ili povas esti atingataj per adekvata internacia organizo. Estas do de nun neeble limigi la organizon de la internacia vivo je la konservado de la paco, kvankam tiu ĉi estas vere la necesa kondiĉo de ĉiuj internaciaj progresoj. Kontraŭe, oni devas plivastigi, intensigi, kunordigi la ĉiuspecajn internaciajn rilatojn. La progreso de la interrilatoj kaj la formado de konstantaj institucioj estis la plej bonaj garantioj de la interna paco en la regnoj mem. La disvolviĝo de la internaciaj rilatoj en ĉiuj fakoj kaj la plimultigo de la tutmondaj institucioj kreitaj de la internaciaj Asocioj estas la plej certa vojo por atingi la universalan pacon.

IX. *Necese estas labori por la disvolviĝo de la internaciaj Asocioj, kiuj estas la organoj de la monda vivo.* Labori por la disvolviĝo de la internaciaj Asocioj estas do labori por la socia progreso kaj la pacigo de la popoloj. La plej progresintaj internaciaj Asocioj devas servi kiel tipoj kaj modeloj al la aliaj. Ilia interna organizo devas esti plibonigata tiel, ke ili povu servi al la tuta mondorganizo. Ĉiu el ili jam de nun estas aŭ baldaŭ povos esti la plej alta instanco de samfakaj tutmondaj interesoj. La Kongreso de ĉiu taŭge starigita Asocio estas malgranda internacia Parlamento pri limigita fako, en kiu ĝi penas leĝofari, alpreni utilajn iniciatojn kaj decidojn, krei entreprenojn de ĝenerala intereso. Fariĝante konstanta, la internacia Asocio fariĝas kapabla organizi internaciajn konstantajn servojn, simile al la naciaj servoj. Centoj de tiaj servoj nuntempe funkcias pli-malpli regule laŭ la rimedoj, la kompetenteco, la fervoro kaj la kontrolo de la grupoj, kiuj ilin kreis. Ili povas disvolviĝi kaj perfektiĝi.

X. *Necesa estas la unuiĝo inter la internaciaj Asocioj.* La komunigo de certaj agadoj de la internaciaj Asocioj per la Unio, kiun kreis ili inter si, estas kapabla alporti ordon, potencon kaj progresemon, kiuj rezultas el tiuj interkonsentoj inter ekzistantaj grupiĝoj. La Unio de la internaciaj Asocioj kaj ĝia Centra Oficejo estas fonditaj sur tiuj bazoj. Ĝian agadon direktas la supre montritaj principoj. Trad. *A. R.*



## SOCIA VIVO



### El Nova Zelando

Dum mi skribas ĉi tiujn liniojn la Norda Hemisfero sin preparas por alia somero, la Suda por vintro. De nur tre mallonga tempo mi estas en Nova Zelando, sed jam vidis grandan parton de la Norda Insulo, kaj pensas, ke eble la legantaro de *„Esperanto"* ŝatus legi ion pri miaj unuaj ĉi-tieaj spertoj. Sed, antaŭ ol skribi pri ĉi tiu malproksimega lando, mi diru kelkajn vortojn pri la vojaĝo de Anglujo.

Mi estas 14.000 mejlojn for de mia patrujo, kaj tiun distancon mi veturis laŭ vere Esperantista maniero. La bona ŝipo *„Zieten"* (Norddeutscher-Lloyd Kompanio) portis tute internacian kompanion de pasaĝeroj; sur la ferdekoj oni povis aŭdi preskaŭ ĉiujn eŭropajn lingvojn, kaj plejparte oni povis paroli nur tre malmulte aŭ tute ne la anglan — bona kampo por semi la semon, kaj mi profitis ĝin laŭeble; tamen homoj, kiuj staras antaŭ nova kaj nekonata vivado en fremda lando pli emas pripensi la novan lernotan lingvon ol Esperanton. La vojaĝo, aparte de la pasaĝeroj, estis tre interesa, ĉar ni haltis ĉe la sekvantaj havenoj: Antverpeno (ekiro), Southampton, Alger, Genovo, Napoli, Port-Saïd, Suez, Aden, Colombo, Fremantle, Adelaide, Melbourne kaj Sydney. En ĉiu haveno, kie ekzistas Del. de UEA, mi lin elserĉis (se la tempo permesis), kaj tiel renkontis samideanojn en kelkaj el la vizititaj havenoj, sed bedaŭrinde maltrafis tiujn de Adelaide kaj Sydney pro malfruiĝo de la ŝipo; plej multajn mi renkontis en Melbourne, urbo de la antaŭ nelonge okazinta Dua Aŭstralia Kongreso. Priskribi la tutan vojaĝon kaj la urbojn trapasitajn estas neeble, ĉar mi scias, ke nia estimata Redaktoro konservas viglan okulon pri malgranda disponebla loko en sia gazeto.

Mi alvenis en Nova Zelando kelkajn tagojn antaŭ Kristnasko, kaj spertis tipe Novzelandan veteron. Meze de belega sunbrilo, blua maro kaj, tie-ĉi-tie, la blankaj veloj de jaĥtoj ni alvenis frumatene en la Haŭraki Gulf — la mondfama jaĥtejo de Aŭklando. Jen etendiĝis antaŭ ni panoramo sinsekva de Insuloj Great Barrier, Little Barrier (Regna konservejo de enlandaj birdoj k. c.), Kawaŭ (antaŭa loĝejo de la fama Reginto [Governor] Sir George Grey), Rangitoto (mortinta vulkano) kaj fine Auckland kaj ĝia belega haveno, nomata de la Maŭrioj „Waitemata" kio signifas Brilantaj Akvoj. Ĉi tiuj, banataj de l'suno, rapide pasis antaŭ miaj okuloj, je tiu memorinda mateno, kiam mi unuafoje ekvidis belegan

Aotea-roa (N. Z.) kaj Akarana (Aŭklando), kun la tiea lokoplena haveno. Tiu haveno ne estas sufiĉe konata; ĉar laŭ mia opinio ĝi estas facile la plej bona en la mondo post tiu de Sydney, kaj por la jaĥta sporto ĝi superas tiun lastan. Pri la aspekto de Aŭklando mem (la antaŭa ĉefurbo) mi atendis iom pli ol mi trovis. Mi ĝin antaŭe bildigis al mi pli imponanta kaj pli bone konstruita en ĝiaj ĉefaj stratoj. Sed la Aŭklandanoj baldaŭ aliigos tion, ĉar ili nun rapide konstruas novajn kaj imponantajn konstruaĵojn.

En Aŭklando mi restis unu semajnon, kaj tiam vizitis la Hawkés Bay distrikton, sur la orienta marbordo de Norda Insulo, veturante per la Ĉefa Fervoja Linio en la Wellington'a ekspreso (?!) ĝis Palmerston. La fervojoj de N. Z. havas tre mallarĝan spacon inter la reloj, kaj la vagonaroj iom similas tiujn de Svisujo — oni eniras de ambaŭ finoj de la vagonoj, ne per ordinaraj pordoj en la flankoj. La rapideco estas eble 30—35 mejlojn pohore, tial estas fiasko ilin nomi „ekspresoj". Ili apartenas al la Ŝtato. Malmulte da ŝanco estas veturi sen bileto, ĉar oni ilin ekzamenas, kaj trancas, tiel ofte, ke la sola loko, kie oni povus esti sen bileto estas la alvenejo — povus esti, ke oni havu nur truojn!

Alveninte en Hawkés Bay je la komenciĝo de Januaro mi havigis al mi nedaŭran lokon en Napier kiel komizo en lana tenejo. Tie mi trovis sufiĉe da laboro por fari; ĉar oni estis meze de la lana sezono. Ĉiun vesperon la komizoj laboregis ĝis malfrua horo (kaj ofte la tutan nokton) kompilante katalogojn, skribante detalojn de aŭkciotaj lotoj, fakturojn k. t. p. Estis tiom da lano, ke oni devis konstante trovi novajn tenejojn. Tiu ĉi estis rekorda sezono por la lana rikolto, kaj kelkaj farmistoj ensendis lanon ĝis valoro de 40.000 Sm.

Mi havis diversajn spertojn tie ĉi, kaj mia proksima ofico estis kun Frukta Kompanio en Hastings, rapide kreskanta urbeto apud Napier, kun moderna telefona sistemo kaj elektra lumo. La kompanio, ĉe kiu mi laboris, aĉetas fruktojn de la kreskigantoj kaj ilin distribuas al siaj klientoj, la vendistoj (plej ofte Ĥinoj). La kompanio estas organizita laŭ kooperativaj principoj, kiuj tiel bone sukcesis ĉe la butera fabrikado en N. Z. Persikoj, abrikotoj, framboj, fragoj k. t. p. alvenadas ĉe la kompania tenejo dum la tago kaj estas forsendataj per la fervojo frue je la sekvanta mateno; tio devigas, ke la stabo laboradu preskaŭ tage kaj nokte dum la frukta sezono.

*(Daŭrigota.)* *J. Arnold Hodges* (Auckland).

## La dudekkvar-hora tempdivido

III

La problemo pri hora tempdivido ekinteresas ĉiam pli vastan publikon. Jam kelkfoje estas en *Esperanto* pri tio skribite[1], sed ĝis nun ni ne havas ankoraŭ kontentigan solvon.

La dekdu-hora tempdivido estas vere maloportuna precipe por la hortabeloj de la fervojoj kaj vaporŝipoj, por administracioj, raportoj, presistoj k. a. Oni ĉiam devas signi krom la hora cifero la vorton „matene" aŭ „vespere", tagmeze, noktomeze, antaŭtagmeze, posttagmeze, kaj sur hortabeloj presi per dikaj kaj maldikaj ciferoj, por montri la noktajn eventuale la tagajn horojn, kio kaŭzas multajn erarojn. La personoj, kiuj havas oftan rilaton kun maloportunaĵoj de tiu sistemo, estas tute prave malkontentaj.

Sed la dudekkvar-hora divido havas ankaŭ ne multajn favorulojn. La malkontentulojn de tiu sistemo (inter kiuj troviĝas certe la horloĝistoj) fortimigas krom la tre malgranda divido de horloĝa ciferplato en 24 horojn ankaŭ la ceteraj duopaj ciferoj: 13, 14 . . . ĝis 24, por signi per ili la noktajn horojn. Ĉi tiuj personoj estas ankaŭ tute pravaj.

[1] Vidu *Esperanto* de 20 marto.

Tiuj, kiuj sufiĉe multe uzadus la duan dividon, ekrimarkus tuj la noktan horon laŭ ducifera signado, sed por la personoj (ne nur malkleraj), por kiuj la uzado okazadus pli malofte, ĝi estus grava maloportunaĵo. Ĉu konvenas ne atenti pri la malsprituloj aŭ malspertuloj kaj kondamni ilin al nescio pri tiu grava por ĉiu afero? Al tio mi ne donus jesan respondon.

La tempdivido estu tia, kiun facile ekrimarku, ne nur iuj oficistoj sed ankaŭ ĉiu alia homo. Per anstataŭo de unu maloportunaĵo per la alia oni nenion utilan faros; oni kreus aferon, kontraŭ kiu aperus novaspecaj analfabetuloj. En la nuna epoko ne estas konvene tiel agi.

Se oni bezonas nur oportunajn horsignojn por la okuloj, ne por la buŝa uzado, ne estas necese dividi la ciferplatojn en 24 horojn eĉ sur kelkaj horloĝoj, kiuj estus destinataj nur por esceptaj personoj; ne estas ankaŭ necese, lasante la nunan dividon de horloĝa plato, nur skribe signi la noktan tempon per ceteraj duopaj ciferoj (ĝis 24), enkondukontaj konfuzon ĉe la vastega publiko. Laŭ mia opinio sufiĉus jena rimedo: Ni havas ja en uzado duspecajn ciferojn: la arabajn kaj la romajn, kiuj estas al ĉiu bone konataj de nunaj ciferplatoj: Ni uzu la arabajn por signi la tagajn horojn, kaj la romajn por tiuj de la nokto. La tagajn ni signu de la *sesa* horo matene ĝis inkluzive la *kvina* posttagmeze, la noktajn de la *sesa* vespere ĝis inkluzive la *kvina* matene. Tiamaniere ni ricevos la vicon da ciferoj por tagaj horoj: 6, 7, 8, 9, 10, 11, 12, 1, 2, 3, 4, 5 kaj la alian vicon por noktaj horoj: VI, VII, VIII, IX, X, XI, XII, I, II, III, IV, V. Ĉiu horo de la tuta plentago (tago kaj nokto kune) — kiel ni vidas — havas nur unu apartan signon. Por minutoj oni uzu pli malgrandajn tipojn de arabaj ciferoj ĉe noktaj kaj tagaj horoj. Jen ni vidu: $3_{15}$ (aŭ 3.15) — $III_{15}$ (III.15) — el tio ĉiuj tuj rekonas, ke 3.15 estas nur la taga tempo, certe posttagmeza, kaj III.15 la nokta.

Tiamaniere en privata kaj socia vivo ni povas tute oportune aplikadi tiun signadmanieron. Sur la invitkartoj ekzemple oni povus skribi: La kunsido komenciĝos je la 4-a, alifoje je la VII-a. Unuaokaze la cifero montras la posttagmezan tempon, en la dua la vesperan (noktan).

*Jan Kaszycki* (Krakow-Grzegórzki).

## Rusaj verkistoj: Vladimir Korolenko

Ankoraŭ nun vivanta *Korolenko* naskiĝis la 15 junio 1853 jaro en urbo Ĵitomir. Li estis el prapatra gento kozaka. Lia praavo estis „Zaporojec" (kozako el rivero Dnipr), kozakvilaĝestro. Lia patro, nobelo de Poltava gubernio; la patrino ankaŭ nobela polino.

Li estis edukita en unu el plej bonaj pensionoj de urbo Ĵitomir, kaj poste en gimnazio kaj reallernejo, kies kurson li finis en 1870 kun la arĝenta medalo. En 1868, kiam Korolenko lernis en la kvina klaso, mortis lia patro. La tuta familio restis sen iaj vivrimedoj: estante provincjuĝisto, kaj ricevante mizeran salajron, patro Korolenko estis tre honesta homo; li ne akceptis la subaĉetaĵojn kaj eĉ per bastono forpelis tiujn homojn, kiuj proponis al li subaĉetojn. Tial klare kaj kompreneble estas, ke tuta lia familio restis sen iaj vivrimedoj, kaj apenaŭ vivaĉis je malgranda pensio kaj monhelpo, donita al familio pro lia honesta servo. En 1871 Korolenko veturas Peterburgon kaj lernas en teknologia instituto; ne havante monrimedojn (la monhelpo ĉesis), li vivas duonsate. Serĉante ian laboron por gajni vivrimedojn, li tute ĉesis studi la sciencojn, kaj pri ekzamenoj li eĉ ne pensis. Tamen laboron li ne trovis, kaj ni absolute ne scias, kiel li sukcesis eviti la morton de la malsato. Li eĉ ne havis monon (kiel ankaŭ kelkaj aliaj el liaj kamaradoj) por pagi por manĝo 18 Sd., kaj li kaj liaj kamaradoj tagmanĝis 6 ĝis 7 fojojn *dum . . . jaro!* Nur en sekvanta jaro Korolenko

trovis iomete da laboreto, transskribo, korektado k. t. p. En 1874 li alveturis Moskvon kaj eniris por lerni en Petro-Razumova Akademio; elteninte sukcese la ekzamenon post la dua kurso, li ricevis la stipendion, sed simila favoro ne longtempe daŭris. En 1876 li estis forpelita (pro politikaĵoj) el la tria kurso kaj ekzilita el Moskvo en Vologodskan gubernion; kiam oni permesis al li reveni Peterburgon, li trovis laboron de korektisto kaj, provante siajn verkistkapablojn, li verkis aron de skizoj: „Epizodoj el vivo de serĉanto."

La tempo tiam estis aparta, speciala, interesa, streĉanta, „serĉanta": inter inteligentularo eknaskiĝis la nova movado: „eniro en la popolon". La popolamantoj aspiris fandiĝi kun la popolo; por tiu celo ili eĉ dungis sin kiel laboristoj, loĝis en vilaĝoj, edziĝis kun vilaĝaninoj. Tia tempo estis rimarkinda! Ankaŭ Korolenko estis proksima al tiu movado. En 1879 oni denove arestis lin: kaj tio estis komenco de liaj turmentoj en orientaj malproksimaj regionoj. Oni ekzilas lin en Glazov, de Vjatka regiono, poste en urbon Tomsk (en okcidenta Siberio), poste en Perjm (en Orienta eŭropa Rusujo). En 1881 oni ekzilas lin el Perjm en teruran Jakutskan distrikton (en nord-oriento de Siberio), de kie li revenis nur en 1885 kaj ekloĝis en Nijnij-Novgorod. Tie ĉi li estas okupita de literatura laboro, kaj en la komenco de 1890 li vigle kaj arde partoprenas la organizaĵon de la societa helpo al malsatantoj. Sian laboron inter la malsatantoj li priskribas en verketo „Dum malsata jaro".

Nune Korolenko loĝas en Peterburgo kaj estas redaktoro de bona ĵurnalo „Rusa riĉaĵo (= „*Russkoe Bogatstvo*"), kaj ĉiam estas ĉu monpunata, ĉu malliberigata. Sian unuan rakonton „La sonĝo de Makaro" li elpensis kaj verkis, loĝante en Siberio, sed presis ĝin reveninte Rusujon en 1885. Ĉi tiu rakonto rapide atentigis la publikon. En ĝi la aŭtoro rakontas, kiel sovaĝulo jakuto, ebriiĝinte antaŭ Kristnasko, ekdormis kaj li sonĝis, ke li frostis en la „tajgà" (siberia arbarego), kaj pastro Johano, kiu mortis antaŭ li, kondukis lin en la transmortan mondon por esti juĝita de la Granda Tojono (diaĵo). La tuta rakonto estas skribita tiel impreseme, brilkolore, vivtone, tiel ameme, ke ĝi nevole kaptas la atenton de la leganto.

Ankaŭ rimarkinda estas alia verko de Korolenko: „La arbaro bruas". Ĝi rememorigas pri praavaj tempoj de servutrajto. Ambaŭ herooj de la rakonto — arbaristo Roman kaj arbargardisto Opanas — estas servutuloj. Ili apartenas al unu „pano" (pola sinjoro). La „Pano", malĉasta kaj krudkaraktera, edzinigis unu junulinon kun Romano, kvankam ŝi amis Opanason. Unufoje „pano" veturas ĉasi kaj alveturas en arbardometon de Romano; li amindumas Oksanon. Opanaso kaj Romano mortigas la „panon", sed la kulpon prenas sur si memvole Opanaso, kiu forkuras kaj kaŝas sin en arbaro. Opanaso vizitas Romanon kaj Oksanon, precipe la lastan, kiam ŝia edzo Romano ne estas hejme; li alvenas, sidas iomete, ekkantas kaj ludas sur „banduro" (popola muzikilo kun tri kordoj). La plej rimarkinda verko de Korolenko estas „La blinda muzikisto", en kiu estas rakontita la historio de unu knabo, kiu estis blinda naskita. Poste li fariĝis fama muzikisto. Rakonto estas tiel nature simpla kaj tiel sincera, ke ĝi impresas kortuŝe.

El aliaj verketoj de Korolenko la legantoj amas la jenajn „En la nokto antaŭ gaja festo", „Juĝa tago", „Maljuna sonoristo" kaj aliaj. Ĉiuj liaj skizoj kaj rakontoj estas presitaj en tri volumoj.

Korolenko staras kiel la ĉefo de la tuta grupo de verkistoj popolamantoj. En ĉiuj liaj verkaĵoj estas klare videbla unu fundamenta ideo: kion ni devas fari, kiel agi kaj vivi. La senliman amon al popolo, la kredon en ĝi, en ĝia forto — jen kion li propagandas. Li montras al inteligentularo, ke ĝi estas nerepagebla ŝuldanto de sia popolo. Li kontraŭbatalas ĉian malveron de la vivo, li alvokas dediĉi tutan sian vivon je servado al popolo kaj al tiu idealo, al tiu vero, kiu sola povas doni la feliĉon al popolo, al ĉiuj.

Jen en konkludo unu el liaj skizoj:

*La fajretoj.*

„Jam antaŭlonge, en malluma aŭtuna vespero, okazis, ke mi naĝis sur malĝojega siberia rivero. Subite, sur la riverturno, antaŭe, sub mallumaj montoj ekbrilis la fajreto. Ĝi ekbrilis hele, lume, tute proksime. . . .

Nu, gloro al Dio! — diris mi ĝoje, — proksime estas ripozejo! La remisto turniĝis, ekrigardis la fajreton kaj denove apatie ekremis.

— Malproksime!

Mi ne kredis: la fajreto estis tiel proksima, antaŭeniĝante el nedifinita mallumeco. Sed la remisto estis, vere, proksima. La eco de ĉitiuj noktaj fajretoj estas proksimiĝi, venkante la mallumecon, kaj brili, kaj promesi kaj delogi per sia proksimeco, apudeco. Ŝajnas — jen, jen ankoraŭ du, tri remmovoj, — kaj la vojo estos finita. . . Sed — tamen — malproksime! . . .

Kaj longedaŭre ni naĝis ankoraŭ sur la rivero malluma kiel inko. Montfendoj, rokaroj aperis, antaŭeniĝis sur ni kaj „fornaĝis", restante malantaŭe, kiel ŝajnis, en senfina malproksimeco, sed la fajreto ankoraŭ staris antaŭe, brilante kaj allogante — ankaŭ tiel same apude, kaj tamen ankaŭ tiel same malapude. . . .

Mi ofte rememoras nun jen tian malluman riveron, borderitan de rokaj montoj, jen tiun vivan fajreton. Multe da fajretoj kaj antaŭe kaj poste ne nur min solan allogis per sia apudeco. Sed — ankaŭ la vivo fluas ankoraŭ inter malĝojegaj bordoj, kaj la fajroj estas ankoraŭ malproksimaj. Kaj denove vole-nevole oni pliremmovas. . . .

Sed tamen . . . tamen antaŭe estas la fajroj! . . .

Pastro *Seriŝev* (Del. Krasnij Jar).

# ✿ NOTOJ ✿

.·. **La progresoj de la kinematografo.** — En ĉiuj landoj la kinematografo ĉiam pli multe konkurencas la teatron. En Germanujo oni povas citi multajn urbojn kun 50.000 loĝantoj, kiuj posedas unu teatron kaj kvin, ses aŭ sep kinematografojn. Jen kelkaj ciferoj el freŝa statistiko: Breslau 520.000 loĝantoj, 3 teatroj kaj 24 kinematografoj; Hannover 400.000, 5 teatroj, 18 kinematografoj; Königsberg 260.000, 3 teatroj, 13 kinematografoj; München 600.000, 8 teatroj, 18 kinematografoj; Nürnberg 350.000, 3 teatroj, 15 kinematografoj; Stuttgart 286.000, 4 teatroj, 31 kinematografoj; Hamburg 830.000, 65 kinematografoj kaj Berlino 3.000.000, ĉirkaŭ 300 kinematografoj.

.·. **La Tutmonda produktado de la libroj.** — La „Bulteno de la Internacia Instituto de Bibliografio" provis starigi statistikon, kiel eble plej precizan, de la nombro de libroj publikigitaj en la tuta mondo de post la elpenso de la presarto. La publikigitaj ciferoj montras, ke, de la komenco, la produktado de la ĉiuspecaj skribistoj estis grandega.

Oni scias, ke la libroj publikigitaj en la komenco nomiĝas incunables; kelkaj estis presitaj per lignaj platoj gravuritaj aŭ skulptitaj; aliaj per moveblaj presliteroj unue lignaj, poste metalaj. Oni hodiaŭ konas 30.742 tiajn, el kiuj 20.000 germanajn, 6636 italajn, 2.049 holandajn kaj 1125 francajn.

De tiu momento la produktado estis proksimume la sekvanta:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| De 1500—1536 | 45.000 | libroj | De 1822—1828 | 142.000 | libroj |
| „ 1536—1600 | 242.000 | „ | „ 1828—1887 | 3.855.000 | „ |
| „ 1600—1700 | 972.000 | „ | „ 1887—1898 | 1.374.000 | „ |
| „ 1700—1736 | 528.000 | „ | „ 1898—1900 | 308.000 | „ |
| „ 1736—1800 | 1.108.000 | „ | „ 1900—1908 | 1.395.000 | „ |
| „ 1800—1822 | 420.000 | „ | | | |

Sekve depost la jaro 1500 ĉirkaŭ 10.389.000 libroj. — El „Illustration" (F. Paris).

# LITERATURO

## TRA LA ESPERANTA LITERATURO

*C. Aymonier.* **Autour de l'Esperanto.** Centra oficejo. Prezo: Sm. 0. 20.

*C. Aymonier.* **Pri Esperanto,** el franca lingvo trad. *René Ferter.* Centra oficejo. Prezo: Sm. 0.30.

En tiu scienca verko, S-ro A., el objektiva vidpunkto, metode analizas kaj komparas Esperanton kaj Idon. Lia zorgoplena studo, redaktaĵo de lecionoj faritaj de l'aŭtoro antaŭ esperantistoj en Sorbonne, sen ia dubo interesos la lingvistojn, kiuj jam trovis plezuron kaj utilon, legante la samtemajn verkojn de S-roj Kolowrat, Antido, Rollet de l'Isle, Ĉefeĉ, Panel, k. a. Ne resumebla estas tia studo, kies ĉefa valoro konsistas en podetala kaj preciza diskutado pri la derivo, vortfarado kaj gramatiko en Esperanto kaj Ido. Mi nur mallonge komentarios 2—3 gravajn punktojn.

Ne estas malfacile al S-ro A. pruvi, ke la Idistoj senĉese malobeas siajn principojn kaj kriteriojn; ke la proponitaj kaj de ili akceptitaj ŝanĝoj estas teorie plej ofte malsaĝaj kaj praktike ĉiam senutilaj, kaj ke ilia ŝajnplibonigaĵo restas multe malsuper la Zamenhofa modelo, laŭ bonsoneco, facileco, simpleco, senescepteco, eĉ logikeco.

Prave, sed eble ne sufiĉe klare kaj difinite, S-ro A. insistas sur tiu fakto, ke la naturaj lingvoj ne ĉiam sekvas la saman sistemon de derivado. Tiel oni povus formi malsimilajn vortseriojn, laŭ tio se oni ekderivas de substantivo, verbo aŭ adjektivo. Ĝuste pro tio estus danĝere fiksi en la vortaroj (kiel neprudente proponis Antido) la gramatikan karakteron de ĉiu radiko. Tiel oni katenus la lingvon kaj, sen ia ajn praktika utilo, oni ĝin rigidigus kaj malsimpligus. Ne la radikoj havas gramatikan karakteron, sed nur la vortoj post aldono de la substantiviga, adjektiviga, verbiga finiĝoj.

Nerefuteble S-ro A. montras, ke la sufiksoj, kiujn trouzas Ido, estas ofte praktike superfluaj. La troa pleneco kaj logikeco donas al la vortoj kaj sekve al la pensoj pezajn piedegojn, ne flugilojn flirtemajn. La lingvo scienca ofte bezonas precizecon, sed ne la komuna, nek la literatura, kiu estas — kiel oni bonege diris — nur supera formo de la komuna.

Tre utila estas (aŭ estis) la idista flanklaboro; ili montris al ni, kion ni ne devas fari. Feliĉe ili eliris el nia laborejo brufermante la pordojn kaj faris aparte malsukcesan eksperimenton *„in anima vili"*, tute sendanĝere por nia Esperanto.

* * *

*Lermontov,* **Novaj versaĵoj,** trad. el rusa lingvo *Bela Manto.* Presa esp. societo.

Laŭ la bonega biografio, kiun antaŭverkis S-ro B. M., Lermontov naskiĝis en Moskvo en 1814. Senpatrina infanaĝo, diboĉa juneco, dufoja ekzilo en Kaŭkazujon, duelo kun de Barante, duelo kun Marthinov, kiu lin mortigis la 15an de julio 1841, jen estas la ĉefokazoj de la malgaja, maltrankvila, malpacema kaj nedaŭra vivo de tiu inspira pesimista poeto.

La vivo nur estas, se oni rigardas atente,
Banala ŝerceto, sensence — malsprita (p. 72).

Tre malsimilaj estas la juĝoj de samtempuloj pri lia karaktero: diboĉa, malŝatema, malhumila, nesimpatia, egoista, diras unuj; — nobla je karaktero kaj vestanta nur maskon de malŝato, asertas aliaj.

„Sed plibone ol la atestoj de samtempuloj, al ni montras la animon de Lermontov lia poezio... Liaj versoj estas li mem... Liaj vipantaj versaĵoj... liaj kulpigantaj vortoj, liaj rimoj bolantaj jen per giganta malamo, jen per senfina malestimo, tiuj rimoj „en galo kaj venen' trempitaj"; liaj poemoj, en kiuj ni vidas jen triumfan fortegon de persista di-bela penso, jen nevenkeblan avidon de libero, jen genian povon enkorpiĝi en personojn kaj historiajn epokojn (kanto pri komercisto Kalaŝnikov (p. 13), jen grandiozan pentristan talenton kaj ekstazoplenan amon al la naturo (Disputo, p. 43), jen naivan, ofte ridigan pro sia naiveco romantismon (Krimulo, p. 34), jen malfortan penon imiti al Byron, ĉio montras al ni la riĉecon de genio de L. kaj lian diverse kaj bone disvolvitan fantazion" (p. 10).

En tiu ĉi libro S-ro B. M. celis (kaj tiun celon mi opinias aprobinda) pli multe esprimi la spiriton de la originalo ol doni laŭvortan tradukon.

Kiuj legis en „Lingvo Internacia" (aprilo 1913, p. 155) la admirindan himnon „Al Apolono" en rimitaj „alkaikaj versoj", tiuj ne plu miros pri la facileco en S-ro B. M. por rimverse traduki la tre diversritmajn Lermontov'ajn versaĵojn. „Vidu Disputo"'n (p. 43).

Movas sin de bataljonoj
Brava avangard',
Laŭte bruas tamburs̄onoj
Sub armestandard';

Kupra kant' de pafilegoj
Tondras sen reten';
Pretaj jam al militegoj,
Meĉoj fumas jen. (P. 46.)

Vidu ankaŭ Borodino'n, interparoladon inter maljuna kaj juna soldato pri la fama sanga batalo.

Terura buĉ'! en flam' milita,
En fumo estis envolvita
La malamika front'.
Sonoris fer', kartoĉo knaris,

Sin ĉies man' rigida faris,
Kaj al kuglegoj vojon baris
Kadavra sanga mont'. (P. 54.)

Jen unu kozako kantas ĉe la lulilo de sia infano (p. 60):

Dormu vi, infano juna,
Dormu ĝis maten'.
Senparole rondo luna
Rigardetas jen.

Mi fabelojn, kantojn lulajn
Kantos je l'kusen';
Fermu, kara, la okulojn,
Dormu ĝis maten'.

Jen la ekzilita poeto envias al la liberaj nuboj (p. 80):

Ne al vi tedis la kampoj aeraj,
Vin nek pasi', nek suferoj plu ravas;
Ĉiam malvarmaj, eterne liberaj,
Nek ekzilandon, nek hejmon vi havas.

En la „Kanto pri komercisto Kalaŝnikov" (p. 13), kiu estas unu el la plej belaj verkoj de Lermontov, S-ro B. M. penis konservi „la tute apartan mezuron de la verso, malfacile tradukeblan en Esperanton... Li volis nepre konatigi la esperantistaron kun la antikva-rusa versometro." Mi ŝatas la lertecon de l'kuraĝa tradukinto, sed mi konfesas, ke mi ne povas senti la ritmon de tiaj versoj, kaj mi dubas, ĉu la ricevita rezultato egalvaloras la meritplenan penadon.

Mi notis, ne sen bedaŭro, en tiu literatura verko neologismojn kiel *diurno* (tagnokto), *eksterno, suĵeto, retro,* malbona vorto kun substantiva finiĝo (kp. kontraŭ, antaŭ); — malkorektaĵojn: *por* velku amo (*por ke* aŭ *ke*); *mi aŭdas sonas* (39).

Pri la versfarado, ĉu estas ĝustaj tiaj versoj (p. 48).

Li kiel multaj karieristoj...
Kaj kiel tiu Gete' an fidela?

Sur la paĝo 66 (Poeto), la 4a verso estas 11-silaba (anstataŭ 9-silaba).

La vorton *kiel* S-ro B. M. uzas jen kiel unusilaban (aŭ proklitikan = senakcentan) vorton, jen laŭfundamente kun akcento je la unua silabo.

Tiuj kritiketoj ne celas ion ajn depreni de la granda valoro de tiu bela verstraduko, kiun neniu admiras pli ol *Verto.*

**Aliaj ricevitaj verkoj:**

**La kimra karaktero** (Represita el la „British Esperantist" de *Richard Prys Griffiths.* — **Lingvaj Respondoj** (nova serio) de *D-ro Zamenhof.* Esperantista Centra Oficejo. Prezo: Sm. 0. 30. — **Was geht den Deutschen das Esperanto an?** Prof. D-ro *Emil Bausenwein,* Prag. Prezo: Sm. 0. 05. — **Esperanto-Normal-Grammatik für Deutsche** de *H. Martano.* Bamberg 1912. Prezo: Sm.: 0. 15. — **Biblioteko de Panonio** (Esperanta katalogeto) *Ludoviko Kokai* (Budapest). Prezo: unu respondkupono. — **Lernolibro de la Esperanta stenografio** de *Ludoviko Jakob* (mendebla ĉe Ludoviko Kokai, Budapest). Prezo: Sm. 0. 20. — **Esperantistaj poŝkartoj,** beleta kolekto kun bildoj de celulinoj. *Oskar Ziegler,* Stuttgart (Bopserstrasse 8,III). Prezo de 6 pk. Sm. 0. 25. — **Bonan apetiton,** seslingva manĝokarto por vojaĝantoj, restoracioj, hoteloj, k.t.p. *I. G. Tejchfeld,* Varsovio, str. Jerozolineska, 89. Prezo: 0. 10.

# Bileto de blankbarbulo

## *Esperanto ĉe la blinduloj*

*Inter la diversaj aplikoj de Esperanto unu el la plej interesantaj estas vere tiu en la mondeto de la blinduloj. Instrua ĝi ankaŭ povas esti por ni vidantoj. Malrapida estis tie la propagando, sed des pli certa. Iom post iom pligrandiĝis tute regule la rondo de la blindaj adeptoj. Esperanto tie estis konsiderata tuj de la komenco kiel vivanta praktika lingvo: ĝin oni simple uzis kaj, trovinte ĝin facila, agrabla al la oreloj kaj en ĉiuj rilatoj tute taŭga, oni sendiskute daŭrigis ĝian uzadon kaj konfide ĝin disvastigis inter aliaj blinduloj. Pri mankoj en la lingvo, pri nelogikaĵoj en la derivado, pri nesufiĉeco de l'vortaro oni tie neniam parolis; ĉar aliparte la malfacilaĵoj de la punktreliefa legado kaj skribado estis feliĉe, grava barilo kontraŭ ĉiuspecaj reformistoj aŭ ĉiamaj plibonigistoj, al la blinduloj neniu alportis el ekstere la senfinan kritikismon, la ĉion detruantan dubon pri la valoro de la uzita, uzata kaj uzota internacia komunikilo. Pri aliaj diversaj disputotaĵoj ili ankaŭ ne aŭdis kaj ne perdis sian tempon, sed ili opiniis ĉiuj, ke la sola nuna tasko estas varbi kiel eble plej da novaj samideanoj kaj ilin konservi.*

*Certe gravaj estis la malfacilaĵoj en la unua tempo. Al ĉiuj eminentaj blinduloj aŭ blindamantoj mi skribis por altiri ilian atenton pri Esperanto kaj la Blinduloj. Al ĉiuj imperiestrinoj, reĝinoj aŭ ŝtataj prezidantinoj en Eŭropo mi sendis petskribon. En tiuj ĉi unu sola respondis, la reĝino de Svedujo, kaj verdire nur dank'al intermeto de sveda konsulo, kiun konvinkigis niaj Lyonaj samideanoj.*

*Financan helpon alportis al la komencanta afero kelkaj el la eldonoj de miaj lernolibroj ĉe Hachette aŭ ĉe Presa Esperantista Societo, la Pariza Grupo, malavara angla amiko[1] kaj precipe nia bona feino S-ino Karnfaing Zabilon d'Her. Sian kunlaboradon donis aliflanke S-ino Fauvart-Bastoul, D-ro Dor, Frato Isidore, A. J. Adams kaj kelkaj aliaj inter la vidantoj, kiuj, kiel multaj diverslandaj blinduloj, pardonos, se ilin mi ne nomas tie ĉi.*

*Kaj nun vere genia blindulo, la sveda H. Thilander, kiu scipovas multajn modernajn lingvojn, kaj kies inteligenteco estas tiel vasta kiel lia koro, prenis sur sin la redaktadon kaj presadon de* Esperanta Ligilo, *la reliefpresita gazeto, kiun mi fondis antaŭ naŭ jaroj. Al tiu ĉi gazeto dank'al sia speciala kompetenteco, al sia ĝenerala kulturo kaj al siaj rilatoj kun ĉiulanda eminenta blindularo li donos plenan fakan intereson kaj novan gravan impulson dum miaflanke mi daŭrigos la eldonadon de libroj por blinduloj.*

*Plenkonfide niaj blindaj samideanoj povas do rigardi antaŭen. Ĉar en ilia movado estis zorge evititaj ĉiu vana disputo, ĉu lingva, ĉu alia, ĉiu danĝera pligrandigo, ĉiu sensignifa bruo, ĉiu „blufo“, la pacience akiritajn postenojn ili certe konservos kaj tion, kion mi diris en Ĝenevo, mi povas nun pli firme ripeti: „Neniu monda okazintaĵo, kiel grava ĝi estus, neniu revolucio, neniu milito povos estingi la malgrandan flameton, kiu nun brilas en tiu aparta mondeto“. En ĉiuj cirkonstancoj fidelaj gvardistoj de l'sankta fajro restos niaj blindaj fratoj.*

*En Cambridge blindulo elokvente dankis la Esperantistojn, ĉar ili metis en la nigran ĉielon de l'blinduloj la brilan verdan Stelon, kaj nun ili vidas!*

*Se iam pro iu aŭ alia kaŭzo la Stelo devis malaperi en nia ĉielo al ni vidantoj ĝin montrus ree al ni la „vidantaj“ blinduloj.*

*Ĉu tio ne estas grava motivo, por ke ni estu dankaj al ili kaj interesiĝu varme pri ilia sorto?*

Th. Cart.

[1] *Dum la Ĝeneva Kongreso, kie B. Mudie organizis mian kolekton, tiu amiko donacis en unu fojo mil frankojn.*

## ONI KONGRESAS

### 4ª Kongreso de la Kataluna Esp. Federacio

Tiu kongreso okazis en la belega urbo Olot de la 11—13 majo kaj estis granda sukceso kaj gravega fakto en la historio de la Federacio. La ministro de la publika instruado, S-ro A. Lopez Muñoz, kaj la ministro de la milito sendis siajn reprezentantojn; krom tio partoprenis ĉiuj aŭtoritatoj de la urbo. Al la alvenintaj kongresanoj oni faris grandan manifestacion kaj en la urbdomo S-ro Merdes, urbestro, donis la bonvenon al la 400 kongresanoj. Posttagmeze okazis la oficiala malfermo de la kongreso kaj oni poste tuj komencis la laboran kunsidon, en kiu diversaj interesaj temoj estis diskutataj. Oni elektis la jenan komitaton por 1913—1914: P.: Rómulo S. Rocamora, VP.: D-ro J. Coll, S.: M. Bordas, Sub S.: J. Camdelacren kaj M. Horta, K.: J. Piferrer, financisto Esteban Rey. — Grandan sukceson atingis ĉiuj organizitaj festoj kaj ekskursoj. La 11 okazis la festo de la Floraj Ludoj en la „Teatro Principal“; kiel reĝidino estis elektita F-ino M. Escubós Serrat-Calvo. Post la disdonado de la premioj S-ro D-ro Coll legis belegan paroladon de S-ro Bourlet, prez. de la 9. Literatura Konkurso. Interesplena estis ankaŭ la oficiala festeno, kiun partoprenis pli ol 200 personoj, kaj dum kiu parolis multaj eminentuloj. — B. B.

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj societoj.** — *Barcelona* (Hispan.). — Nova grupo estas fondita kun nomo „Konstante Frapante“. A. P.

*Bologna* Ital.). — Emilia Esp.-Asocio kunvenas nun en Via Mussolini 2 ĉe komunuma lernejo kun permeso de l'urbestraro. — O. N.

*Göteborg* (Sved.). — Nova grupo estas fondita; P.: J. Huysmans, S. kaj K.: R. Fegroens. — C. O.

*Innsbruck* (Aŭstrio). — La 21 majo fondiĝis esp. laborista unuiĝo kun 20 membroj. — S.

*Lwow* (Aŭstrio). — Fondiĝis la „Pola Klubo Esperantista“; P.: St. Lazica; S.: B. Herold. — W. N.

*Sestri Ponente* (Ital.). — Post trafa parolado de S-ro D-ro Stromboli kaj dank'al la klopodoj de S-ro Titi fondiĝis nova grupo kies honora prezidanto estas la urbestro. La urbestraro konsentis doni la ĉambrojn senpage. — A. M.

**Novaj kursoj.** — *Bamberg* (Germ.). — S-ro Geiger, Eichstädt, gvidas du kursojn, unu por S-roj kaj la alia per S-inoj. — O. R.

*Barcelona* (Hispan.). — En la nove fondita grupo „Konstante Frapante“ komenciĝis supera kurso gvidata de S-ro Dolman. — A. P.

*Bologna* (Ital.). — Kurso gvidata de S-ro O. Nanni, malfermiĝis la 10 junio ĉe la sidejo de Emilia Esp.-Asocio. — O. N.

*Cureghem-Bruselo* (Belg.). — En la lernejo nun okazas somerkurso kun 17 anoj. — E. H.

*Marknenkirchen* (German.). — Komenciĝis nova kurso gvidata de S-ro Otto el Plauen i/V. — H. G.

*Nagykörös* (Hungar.). — Okazas du kursoj gvidataj de S-ro P-ro Bánóczy, unu en la gimnazio kun 26 studentoj, la alia en la Klubo de la industriista kaj komercista junularo kun 16 anoj. — A. B.

*St. Gilles* (Belg.). — La kurso gvidita de F-ino Jennen finiĝis kaj okazis ekzameno, kiun partoprenis sep lernantoj. E. H.

**Kunvenoj kaj festoj.** — *Bad Elster* (German.). — Ĉi tie okazos la 30—31 aŭgusto la kvara kunveno de la vogtlanda Esp.-Unuiĝo sub la honora prezido de S-ro von Alberti, baneja direktoro kaj reĝa konsilanto. — H. G.

*Barcelona* (Hispan.). — La 25 majo okazis ĉe la grupo „Barcelona Stelo“ solena disdonado de monpremioj al la lernintoj de la lasta kurso. Sekvis koncerto, deklamoj, parolado de S-ro J. Gran kaj balo; ĉeestis 200 personoj, inter kiuj multaj neesperantistoj. La ekzamenoj de la kurso en la universitato okazis la 4 junio; ekzamenis S-ro pastro Coll. — A. P.

*Detroit* (Usono). — La 8 junio okazis la unua propaganda vespero organizita de la German-Usonana Esp.-Unuiĝo. — T. S.

*Eger* (Aŭstrio). — La societo de l'germanaj esp. aranĝis la 19 majo feston por fini la unujaran instruadon. Proksimume 50 personoj ĉeestis, inter kiuj S-ro D-ro Borst kaj S-ro Schopf, religia profesoro. La festparoladon faris S-ro Hell, prez. de la grupo; li transdonis al S-ro D-ro Kolonch, gvidanto de kurso, honoran diplomon por liaj klopodoj; F-ino Penzel faris al li donacon en la nomo de siaj kunlernantinoj. En la amuza parto oni prezentis diversajn kantojn, deklamojn kaj fine teatraĵon multe aplaŭditan. La societo povas esti fiera pro la sukceso de sia festo. Por la venonta kurso jam 10 personoj anonciĝis. — H.

*McMinnville* (Usono). — La 27—29 de junio la esp. en Oregon kunvenos por organizi ŝtatan ligon. — C. H. F.

*Pekin* (Ĥin.). — Okaze de la 5-jara datreveno de la fondiĝo de UEA okazis kunveno de la esperantianoj; oni decidis aranĝi feston ĉiujare la 1 majo kaj sendi saluteterojn al ĉiuj ĥinaj Delegitoj. — K. S.

*Tampere* (Finlando). — La 25 majo la esp. societo aranĝis tre sukcesan feston, kiun ĉeestis pli ol 200 personoj. — I. L.

*Wien* (Aŭstrio). — La Laborista Grupo V aranĝis sian unuan jarkunvenon la 4 majo. El la raportoj oni vidis, ke en la lasta jaro 3 kursoj estis faritaj; krom tio unu vizito en imperiestran teatron, kiun partoprenis 150 personoj, unu ekspozicio de esp. gazetoj kaj poŝtkartoj kaj unu parolado. La grupo abonas ses esp. gazetojn; la sidejo estas en la lernejo „Komensky“. — F. K.

**Paroladoj.** — *Barcelona* Hispan.). — En la Societo Paco kaj Amo okazis tre aplaŭdita parolado de S-ro San Salvador. — A. P.

*Beaune* (Franc.). — La 7 majo S-ro Krestanof el Bulgarujo paroladis pri la Balkana milito. S-ro D-ro Fromageot prezidis, kaj S-ro P-ro Bord donis resumon de la parolado en franca lingvo. — I. K.

*Genova* (Ital.). — Dum la kunsido en la itala deputatĉambro S-ro deputato Tescetti paroladis pri Esp. kaj estis favore aŭskultita. — A. M.

*Grenoble* (Franc.). — Tie ĉi S-ro Krestanof publike paroladis la 23 majo pri „La Balkanaj landoj kaj la milito“ en plena ĉambrego sub la prezido de S-ro P-ro H. Sentis. — I. K.

*Lyon* (Franc.). En plena luksa ĉambrego de la Komerca Palaco okazis la 22. majo publika parolado pri „Balkanujo kaj la Balkana milito“ de S-ro Iv. H. Krestanof. Prezidis S-ro F. Drudin. — I. K.

*Mâcon* (Franc.). — La 24 majo okazis en la urbdomo publika parolado de nia bulgara samideano S-ro Krestanof je la temo „Kial ni venkis la Turkojn“. S-ro Collot, notario, prezidis, kaj S-ro P-ro Beau tradukis francen. — I. K.

*Markneukirchen* (German.). — La 22 majo okazis parolado de S-ro D-ro Schramm el Leipzig. — H. G.

*Philadelphia* (Usono). — S-ro H. W. Hetzel faris paroladon pri Esp. kaj UEA al la anoj de la Liberpensula societo de Phila; ĉeestis 60 personoj. — C. C. C.

**Paroladvojaĝo Pitlik.** — La 25 majo S-ro P-ro Pitlik paroladis en Kiev antaŭ 200 ĉeestantoj. Antaŭparolis S-ro L. Illaŝeviĉ, Del.; tradukis S-ro Levenzon. Post la parolado ekzercis la gimnasta societo „Sokol“ libermovajn ekzercojn de la lasta „Sokola“ kongreso en Praha. — Per tiu ĉi brila parolado finiĝis la sesmonata tuteŭropa paroladvojaĝo de S-ro P-ro Pitlik, kaj li revenis en sian hejmurbon Praha.

**Esperantiaj kunvenoj.** — *Britujo.* — La raporto pri la Kongreso mem jam aperis aliloke en *„Esperanto“*, sed ni nun presigos raporton pri la speciala kunveno de la UEA., kiu okazis la 12 Majo, en la Urbodomo, per la afabla permeso de la Kongresaŭtoritatoj. Ĉeestis ĉirkaŭ 70 personoj, inter kiuj troviĝis kelkaj alilandaj Esperantianoj. S-ro Paul Blaise, Distrikta Delegito de Londono prezidis, kaj li per kelkaj vortoj klarigis la celon de la kunveno, kiu estis tute neformala. Raportojn pri la progresado de UEA en diversaj partoj de Granda Britujo faris S-roj H. A. Epstein (Ĉefdelegito por Londono); Hipsley (Dist. Delegito por Centro-Norda Distrikto); A. J. Adams (Delegito, Hastings); Smith (Del., Kettering); Wright (Del., Northampton); Arnie (Del., Guildford); Phillimore (Del., Battersea Klubo) kaj F-ino Inman (Del., Halstead). S-ro Epstein speciale raportis pri la kontentiga progreso en Londono, kie nun estas pli ol 210 membroj de UEA (por 6 monatoj) kontraŭ nur 170 por la tuta lasta jaro. Li ankaŭ raportis pri la multaj servoj faritaj, pri la re-organizo de la Londona Delegitaro, pri la re-organizo de la Distriktoj en Anglujo, pri la eldono de la Londona Gvidfolio, k. t. p. Post la raportoj, oni diskutis diversajn rimedojn por la disvastigo de UEA tra Britujo, kaj inter ili la sugestion, ke delegitoj raportu kiel eble plej ofte ĉe siaj lokaj jurnaloj pri iaj specialaj servoj faritaj per UEA. Ĉe la kunveno 6 Esperantianoj konsentis agi kiel Delegitoj por siaj urboj. Fermante la kunvenon, S-ro Blaise esprimis sian ĝojon je la progreso de UEA kaj transdonis al la ĉeestantaj alilanduloj la koran saluton de la kunveno. E. P. (Londono).

*Sudorienta Francujo.* — La Distrikta Kunveno okazis en Valence la 12 Majo. S-ro Gabert, Distrikta Delegito, malfermis la kunsidon, kaj laŭ lia propono S-ro Poncet, Del. de Lyon, estas elektita kiel sekretario. Poste li dankis la ĉeestantojn kaj S-ron Mège, kiu helpis por la aranĝo de tiu kunsido kaj esprimas sian ĝojon pro la plena interkonsento, kiu ekzistas inter la Sudorienta Distrikto kaj la Federacio Esp. Rodana; li komunikis leteron de S-ro H. Hodler, Direktoro de C. O. de UEA, kiu tre bedaŭrinde ne povis ĉeesti, kaj legis sian raporton, kiu estis unuvoĉe akceptita. Pri organizo de kongresa karavano por la distriktaj Esperantistoj S-ro Poncet rimarkigas, ke pro la malgranda distanco tio ne estus tre utila kaj konigas, ke S-ro Giraud, Marseille, sub la aŭspicioj de UEA aranĝos karavanon, kiun povos partopreni la Esp-ianoj el Sudoriento. Post interŝanĝo de ideoj rilate al la Distrikta agado S-ro Gabert memorigas la proponon de S-ro Ploussu presigi la nomojn de la Delegitoj en la urbajn adresarojn kaj instigas al eldono de gvidfolioj, S-ro Bégel, Vicdel. de Lyon, konigas, ke en Lyon dank'al klopodoj de S-ro Poncet kaj precipe de S-ino

Farges la nombro de la anoj preskaŭ duobliĝis en ok monatoj malgraŭ la plialtigita kotizaĵo. Por la fino S-ro Gabert petas la Delegitojn, ke ili klopodu presigi artikolojn pri UEA en la gazetojn. — E. G.

*Saksujo.* — Por la Distrikta Kunveno la D. D. laŭregule invitas ĉiujn D kaj VD de Saksujo, krom tio estis invitataj ĉiuj partoprenantoj de la samdate okazanta Saksa Ligotago. La kunveno okazis anstataŭ en la Kafejo Schillergarten, kies lokojn plene okupis la akceptejo, en la Reĝa instruista seminario, kies estro, S-ro lernejkonsilanto Hözel, afable disponigis ĉambron por UEA. Partoprenis ĉirkaŭ 60 personoj, inter ili 20 Del. kaj Vicdel. kaj kelkaj konsuloj kaj konsulinoj. Post la saluto de la D. D. la kunveno aŭdis lian raporton pri la ĝojiga evoluo de la Distrikto; dum la pasinta jaro la Distrikto de 16 Del. atingis la nombron de 43 Del. Ankaŭ laŭ la nombro de la anoj la Distrikto kreskis, same kiel laŭ la nombro de la Esperantiaj Entreprenoj kaj grupoj. La kunveno kun ĝojo akceptis tiun raporton same kiel tiun de la D. D. pri lia regiono Dresden; aliaj Del. raportis pri siaj spertoj en la propagando, kiun iom malhelpis la plialtigo de la kotizo, kies necesecon tamen ĉiuj laŭ la klarigoj de la D. D. fine komprenis. Kelkaj Del. raportis pri speciale interesaj servoj de ili faritaj. Poste estis pritraktata la demando, kiamaniere akiri en la 16 saksaj lokoj, en kiuj en Saksujo ekzistas grupoj, sed *ne* Delegitoj de UEA, reprezentantojn. Ĉi ĉiuj grupoj jam ricevis specialan peton, elekti Delegiton, sed ne respondis, do oni decidis, nur per persona varbado klopodi fine havi en tiuj lokoj Delegitojn. La rondiranta kajero bedaŭre nur tre malrapide marŝis, ĉiuj estis petataj, ĝin pli rapide forsendi post la trastudado. Entute oni interkonsentis, daŭrigi la laboron en la ĝisnuna maniero. Saluttelegramo alvenanta el Genève de la Centra Oficejo de UEA estis ĝoje akceptata de la kunveno, kiu decidis, resendi per la D. D. plej korajn dezirojn kaj salutojn al la Centra Oficejo kaj ties sindonemaj kunlaborantoj. — J. K.

La *Saksa Ligo Esperanto* festis la 31 Majo kaj la 1 Junio en *Frankenberg* sian 9an jarkunvenon. Partoprenis en ĝi pli ol 250 Esperantistoj el tuta Sakslando, kiuj jam parte sabaton alvenis kaj kun la grupanoj de „Verda Stelo"-Frankenberg agrable kunestis en salutvespero. Dimanĉon matene post la alveno de la ceteraj festgastoj unue okazis la *Distrikta kunveno de UEA* sub la gvidado de la D. D. Karsch-Dresden en ĉambro de la Reĝa Instruista Seminario, en kies luksa festsalonego poste okazis la ĉefa festkunsido. Ĝin prezidis S-ro D-ro H. Arnhold-Dresden; parolis salute S-ro urbestro Irmer, Lernejkonsilanto Hözel, Dipl.-Ing. K. v. Frenckell (por GEA) Karsch-Dresden (por UEA), kaj S-ro May-Frankenberg por la tiea grupo. Seminaria horo kantis esperante, kaj S-ro Pastro Lösche-Wurzen faris festparoladon, kiu vekis grandan intereson kaj kunsenton inter la preskaŭ 400 ĉeestantaj Esperantistoj kaj gastoj. Poste S-ro instruisto Hahn-Chemnitz-Schönau prezentis siajn pli ol 30 esperante instruitajn gelernejanojn, priparolis kun ili nur en Esperanto la pentraĵon de la festsalono, geografiajn kaj historiajn demandojn kaj fine bildon ĝis tiam de instruisto kaj infanoj ne konatan — ĉiuj respondoj sekvis rapide kaj ĝuste en ĝuste uzata Esperanto. Estis tre impresa prezentado. En finparolado S-ro D-ro Arnhold dankis al ĉiuj, kiuj helpis al la sukceso de la ligotago kaj proponis, sendi telegramon al la Reĝo de Saksujo kaj decidi rezolucion esprimantan la dankon al la parlamentanoj D-ro Steche, D-ro Schanz kaj Rentsch por ilia subteno de Esperanto en la Saksa 2a ĉambro. Post fermo de la kunveno la partoprenantoj marŝis kune tra la urbo al „Kaisersalono", la tagmanĝo estis interrompata per diversaj tostoj esperantaj kaj germanaj, kaj tuj poste oni komencis la laborkunsidon de la Saksa Ligo. La entute tre ĝojigaj raportoj estis akceptataj, kaj reelektataj la plej multaj ĝisnunaj anoj de estraro kaj komitato de Saksa Ligo. En tre bela aranĝita vespera festo, en kiu 500 ĝis 600 personoj ĉeestis, oni prezentis inter plej diversaj esperantaj kantoj kaj deklamoj tre ĉarman kantdancadon „Vekiĝo printempa" kaj esperantan tradukon de la teatraĵo de Sudermann „La malproksima princidino". Riĉa aplaŭdo dankis al la belaj prezentaĵoj, kiujn sekvis balo. Al la aranĝinta grupo, speciale al la prezidanto S-ro May kaj al la UEA-Del. S-ro Hunger, apartenas la merito esti aranĝinta la ĝis nun plej belan Saksan Ligotagon! — J. K.

*Sudokcidenta Esperanto-Ligo.* — La jarkunveno okazis la 1 Junio en Frankfurt a/Main. Malgranda ekspozicio estis malfermata jam de mateno en la domo de la komercista unuiĝo. La oficialan kunsidon partoprenis ĉirkaŭ 50 reprezentantoj de diversaj grupoj kaj kvar gastoj. La grupo de Nauheim kaj la Saksa Ligotago sendis saluttelegramojn. S-ro Istel, prez. de la grupo de Wiesbaden, bonvenigis la ĉeestantojn kaj parolis pri la rezultato de la pasinta jaro. Granda aplaŭdo rekompencis la parolinton. La proksima Ligotago okazos en Hanau a/M. Post gaja tagmanĝo oni prezentis bone luditan komedieton, kaj vespere la plej granda parto de la kongresanoj renkontiĝis en la Stadtgarten, kie ili pasigis ankoraŭ kelkajn amuzajn horojn. — J. H.

## NAŬA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**Bern,** 24—31 Aŭgusto 1913

**Pri la vendejo kaj ekspozicio.** — En la Kazino (Kongresdomo), oni rezervis du ĉambrojn por la ekspozicio. Tiuj lokoj estos tre oportunaj; ĉar ili estas en la sama domo kaj sama etaĝo, kie okazos la ĝeneralaj kunsidoj kaj la vesperaj festoj; tiamaniere oni esperas, ke la vendejo kaj ekspozicio estos pli vizitataj ol en aliaj kongresoj, kaj ke la vendistoj havos pli grandan certecon retrovi siajn elspezojn kaj eĉ fari profitojn.

Tiucele, la Org. Kom. speciale zorgos por ke perfekta ordo regu en la vendejo kaj ekspozicio. En ĉiu ĉambro estos konstante unu gardisto, kiu atentos, ke oni ne tuŝu la objektojn ekspozitajn. Dum la nokto kaj dum la manĝoj la ĉambroj estos ŝlositaj. Ni do esperas, ke multaj Esp-istoj sin anoncos, kiel ekspozontoj aŭ vendontoj; ĉar ili povas esti certaj, ke oni bone zorgos pri la vendotaĵoj.

Kompense ni petas tiujn, kiuj deziras ekspozi aŭ vendi, ke ili sin konformu al la jenaj instrukcioj: 1e ili sin anoncu kiel eble plej frue al *S-ro de Saussure, 27 Lombachweg, Bern,* ĉar ni ne povas garantii lokon al la malfruiĝintoj; 2e ili sendu la vendotaĵojn aŭ ekspozaĵojn per kestoj bone pakitaj kaj adresitaj: *Kongreso de Esperanto, Vendejo* (aŭ *Ekspozicio*), *Kazino, Bern;* 3e ili ne forgesu skribi sur la kestoj la nomon de la sendinto, por ke ĉiu kesto estu facile retrovata de sia posedanto; 4e ili sciigu al S-ro de Saussure la nombron kaj aspekton de la senditaĵoj kaj la daton de la sendado.

Dum la kongreso ĉiu vendisto aŭ ekspozanto devas zorgi mem pri siaj komercaĵoj. Tabloj (0,60×1,00 m.) estos lueblaj po 4 Sm. por la tuta semajno; sed la nombro de la tabloj estos limigita; la luprezon sendu, antaŭ la 1 Aŭgusto, kun la aliĝo, al S-ro de Saussure.

**Pri la aliĝoj al la kongreso.** — Oni rapidu sendi sian aliĝilon (6 Sm.) antaŭ la 15 de Julio. Post tiu dato la loĝejo ne estos garantiita, kaj la nomo de la aliĝinto ne aperos en la kongresa libro. Kongresanoj, kiuj jam havas sian provizoran membrokarton kaj poste sendos monon por

loĝejo aŭ petos informojn k. t. p., *ĉiufoje aldonu la ciferon de sia karto.*

**Pri la balo en naciaj vestoj.** — La Esp-istoj, kaj precipe Esp-istinoj, estas insiste petataj alporti *naciajn* (ne karnavalajn) vestojn por la granda balo, kiu estos verŝajne la ĉefa vesperfesto de la Kongreso.

**Pri la fak-kunsidoj.** — La Org. Kom. starigas nun la *definitivan* programon de la Kongreso. Post la 1. Aŭgusto tiu programo fariĝos *netuŝebla* kiel la Fundamento de Esp-o. Do, la fak-societoj, specialistaj societoj, k. t. p., kiuj deziras okupi lokon sur la oficiala programo, devas tuj sciigi al S-ro de Saussure (27 Lombachweg, Bern) pri la nombro de horoj, kiujn ili deziras rezervi al sia societo.

**Konkurso.** — Ĉar la mallonga tempo de la organizado de la Naŭa ne sufiĉis por aranĝi bonan literaturan konkurson, ni trovis alian solvon. Ni havos *konkurson de paroladantoj*, kiu okazos dum la Kongreso. Konkursontoj, kiuj aliĝas antaŭ la 1ª de Aŭgusto, ricevos la kondiĉojn de tiu konkurso.

**Flagoj.** — La O. K. zorgos laŭeble por la ornamo de la urbo; sed la ornamo estos pli efika, se la kongresanoj alportos naciajn kaj esperantajn flagetojn elpendotajn ĉe la fenestroj de siaj loĝejoj. Ni do insiste petas, ke oni helpu tiucele al la plibeligo kaj la propagando.

**La kongreslibro** baldaŭ aperos kaj estos tre bona helpilo por ĉiu kongresano. Ĝi entenos la oficialan programon, la fotografajon de la Komitato, gvidlibron por Berno kaj la cetera Svislando, specialajn artikolojn pri artaj bernaj fontanoj, pri Ruĝa Kruco en la svisa armeo, k. t. p.; krom tio ni presigos en ĝi la liston de ĉiuj kongresanoj sendintaj sian kotizon antaŭ la 15 Julio.

**Kongresmarkoj.** La unua eldono estas elĉerpita, kaj ni presigis novan; 100 pecoj kostas 0.40 Sm. Revendistoj ricevas rabaton. *Kongreskartojn* ni vendas 0.40 Sm. po dek pecoj.

**Korespondado.** Mono estu sendata al la Kantonalbank en Bern. Ĉiun leteron adresu al la Universala Kongreso de Esperanto en Bern. Ne forgesu aldoni la kongresnumeron, se vi tian jam havas, kaj bone priskribas vian naciecon.

*La Organiza Komitato.*

*NB.* Ĉiuj Esp. Gazetoj estas insiste petataj represi ĉi tiun cirkuleron, ĉar ĝi estas la lasta grava oficiala komunikaĵo, kaj sendi al ni unu ekzempleron.

---

## Listo de la kongresanoj (4ª listo)

**Britujo.**

33. F-ino Edith Milner, *Leek,* Union street.
34. V. V. Sumfield, *Polegate, Ivedene.*
35. S-ino V. V. Sumfield, „ „
36. S-ino Annie Warden, *Edinburgh,* St. Andrew Square.
37. F-ino Mana E. Warden, „ „
38. F-ino I. E. Mc Intosh, „ Comiston Terrace 22.
39. G. W. Cambel, *Pekham, London,* Wellington Road 4.
40. M. H. Dallas, *Glasgow,* Whitewalestreet 51.
41. Isaŭro Alvarez, *Liverpool,* Seften Park, Halkyn Avenue 39.
42. Prof. D-ro G. Jameson Johnson, *Dublin,* Irl., Lower Fitzwilliam Street 13.
43. A. I. Adams, *Hastings,* Plinlimmon Terrace.
44. M. P. Merrick, *Elvetham, Shepperton.*
45. F-ino R. Pentelow, *Letchworth, Hertfordshire,* Hillshott 6.
46. J. A. Jones, *West Hartlepool. Durham,* Park Road, Reethwille.
47. W. H. Baylis, „ „ Grange Rd. 17.
48. S-ino S. Baylis, „ „ „ „ „
49. W. Andrew, „ „ Stockton Rd. Primrose House.
50. F-ino E. D. Hughes, *Liverpool, Knotty Ash,* Rosenau.
51. J. Pollard, *Buxton, Derbyshire,* Kents Bank Road 17.

**Francujo.**

34. J. J. , *Céret,* Pyrénées-Orientales.
35. S-ino Thérèse Julia, „ „
36. F-ino M. L. Blin, *Verdigny,* Cher-France.
37. F-ino G. Desserin, *Bourges,* „ r. des Beaux-Arts 3.
38. F-ino M. Hubert, „ „ r. Barbès 191.
39. L. Lécorché, *Romilly-sur-Seine,* r. des Fontaines 26.
40. S-ino M. Lécorché, „ „
41. H. Lécorché, „ „
42. A. Claudé, *Ancerville,* Meuse-France.
43. D. Moreau, *Romorentin,* Faubourg d'Orléans 85.
44. R. Bricard, *Paris XIV,* r. Denfert-Rochereau.
45. F-ino T. Bricard „ „
46. G. Chilot, *Villeneuve-St.-Georges,* r. de Paris 54.
47. C. Desray, *Ancenis,* Loire-Inférieure.
48. J. Etard, *Rouen,* Boulevard Cauchoise 14.
49. S. Meyer, *La Rochelle,* Charente-Inf. Villeneuve 2.
50. S-ino O. Meyer, „ „ „
51. Garegin Gazazian, *Billancourt,* Seine, r. de Versailles 208.
52. G. Barat, *Lille,* Nord-France, r. Jeanne-d'Arc 20.
53. S-ino T. Barat, „ „ „
54. F-ino J. Barat „ „ „
55. H. Dutton, *Avignon,* r. de la République 20.

**Germanujo.**

34. L. Istel, *Wiesbaden,* Webergasse 16ᵉ.
35. E. Szymanowski, *Bromberg,* Werderstrasse 23 I.
36. S-ino E. Szymanowski, „ „
37. F-ino A. Henning, „ Bülowstrasse 2 I.
38. E. Wengler, *Berlin,* 24. IV.
39. D-ro J. Hanau, *Wiesbaden,* Moritzstrasse 32 I.
40. S-ino C. Fürth, „ Luxemburgplatz 5.
41. M. Gonnermann, *Rudolstadt, Thür.,* Augustenstrasse 39.
42. H. Heinz, *Frankfurt a/M.,* Bergweg 23.
43. P. Tarnow, *Kiel,* Schwanenweg 18.
44. V. Pinagel, *Aachen,* Lütticherstrasse 38.
45. Ebeling, *Hannover.*
46. S-ino E. Werniger, *Berlin-Steglitz,* Düppelstrasse 23.
47. F-ino E. Hanau, *Wiesbaden,* Moritzstrasse 32 I.

**Hispanujo.**

6. J. Serrat i Parré, *Barcelona,* Aribau 55.
7. F-ino R. Molina, *Sevilla,* Espiritu Santo 21.

**Rusujo.**

9. F-ino O. Gabrick, *Moskvo,* Voznesenskaja ul.

**Svisujo.**

69. F-ino N. Humbert, *Neuchâtel,* Côte 84.
70. S-ino Tissot-Martin, *Basel,* Watenbergstrasse 9.
71. H. Rusterholz, *Basel,* Leimenstrasse 2.
72. S. Leuenberg, *Basel,* Baumgartenweg 17.
73. J. Borel, *Vaumarcus* (Neuchâtel).
74. E. Schmid, *Langnau* (Bern).
75. F-ino L. Buche, *Lutry,* apud Lausanne.
76. F-ino C. Meister, *Rüegsau,* Post *Kalchofen* (Bern).

**Usono.**

6. L. Lüders, *Philadelphia.*
7. S-ino R. Lüders, „
8. J. D. Hailman, *Pittsburgh,* South Lang Ane 310.

**Aŭstrio-Hungarujo.**

1. S-ino M. Ungar, *Lemberg*, ulica Kopernika 15a.
2. F-ino M. Ungar, „ „
3. M. Groblewski, *Szczawne*, Galicia.
4. L. Gyula, *Pécs*, Baranya, Hungarujo.
5. S-ino M. Baroch, *Polnisch-Ostrau*, Schlesien, Aŭstrio,
6. J. Hechtl, *Franzensbad*.
7. E. Wanitsek, *Pozsony*, Förtér 1.
8. S-ino K. Wanitsek, „ „

**Danujo.**

1. D-ro S. Leunbach, *Esbjerg*, Jütland.

## DIVERSAĴOJ

.·. *Esperanto kaj turismo.* — Sub la titolo *Vojaĝado en Finnlando* jus aperis tre bela Esperanta gvidlibro, eldonita de Esperanto-Asocio de Finnlando. Tiu 64-paĝa libro, lukse presita, akompanata de ĉarmaj ilustraĵoj kaj de granda landkarto, enhavas pri tiu ankoraŭ ne multe konata norda lando multnombrajn informojn, redaktitajn en tre praktika maniero. Ni gratulas la eldonintojn de tiu imitinda verko. La Centra Oficejo de UEA sendos tiun broŝuron al ĉiuj Esperantianoj, kiuj ĝin deziras, kontraŭ 2 respondkuponoj.

Ni ankoraŭ devas noti la aperon de bela, lukse ilustrita Esperanta gvidlibro pri *Breslau*, kies pres- kaj eldonkostojn pagis la urbkomunumo Breslau (Esperantia Entrepreno). Kiel oni scias, okazos tie en la nuna jaro kulturhistoria kaj ĝardenkultura ekspozicioj. Per helpo de UEA oni propagandis en la eksterlando la ekspoziciojn, kiuj laŭ la unuanima prijuĝo de la vizitintoj estos vere vidindaj. La gvidlibron akompanas gvidfolio tra Breslau, laŭ la kutima formato. Por ĉiuj informoj sin turni al S-ro G. Mahn, Del., Albrechtstrasse 43, Breslau.

.·. *Esperanto kaj la movado de la fremduloj.* — Ĉe la regiona kongreso de la Venecia sekcio de la itala nacia societo por la movado de la fremduloj (Verona, 28 majo—1 junio), S-ro Adv. Vaona, prez. de la Esp. grupo en Verona kaj fervora pioniro de nia movado en Italujo, faris tre aplaŭditan raporton pri la utileco de Esperanto, speciale je la vidpunkto de la movado de la fremduloj. Post tiu raporto la Kongreso unuvoĉe aprobis la jenan deziresprimon:

„La Kongreso certigas la grandan utilecon, kiun, rilate al la movado de l'fremduloj, povas alporti la disvastiĝo de helpa lingvo, neŭtrala kaj internacia, kaj, konsiderante, ke al tiaj postuloj komplete respondas Esperanto, kiel estas elmontrate el la ĉiutaga sperto en fremdlando, la Kongreso esprimas la deziron: *a)* ke en la komunikoj kaj rilatoj kun frataj asocioj eksterlandaj kaj pri aferoj, kiuj rilatas al la industrio de la fremduloj, la Asocio uzu ankaŭ tiun ĉi lingvon; *b)* ke ĝi estu ankaŭ uzota por la eldono de gvidlibroj, ilustrantaj niajn urbojn kaj niajn regionojn, kaj en ĉiu alia speco de reklamiloj; *c)* ke la plej gravaj hoteloj de niaj urboj, kuraclokoj, k. c. proviziĝu je agentoj, kiuj parolas Esperante, kaj ke la hoteloj mem fariĝu membroj de UEA, kies sidejo estas en Ĝenevo; *d)* ke krom la Asocio por la movado de la fremduloj ankaŭ aliaj Italaj Asocioj kaj Institucioj similaj — kiel ekz. la Itala Turing-Klubo, prizorgu la disvastigon de Esperanto".

La tuta raporto estas publikigita en itallingva broŝureto, kiu estis disdonita al la tre multenombraj kongresanoj, inter kiuj estis multaj altrangaj kaj kleraj personoj.

A. E. R.

.·. *Esperanto kaj la eldonistoj.* — Ĉe la VIII[a] Internacia Kongreso de la eldonistoj, okazinta lastatempe en Budapeŝto, S-ro D-ro J. Kiss, rektoro de la Budapeŝta Universitato, prezentis interesan raporton pri Esperanto kaj la laŭleĝa protektado de la Esperantaj verkoj. Li rekomendis al la eldonistoj alpreni Esperanton, kiel unu el la kongresaj lingvoj, kaj atenti pri la rajtoj de Esperanto, kiam estos diskutata la demando pri literatura propraĵo.

.·. *Esperanto kaj Mutualeco.* — S-ro C. Dugas, prezidanto de la „Colonisation française" jus informis S-ron Demarcy, nian kunlaboranton, ke la Kongreso de la internacia libera Mutualeco, okazinta en Gento la 18—20 majo, alprenis la deziresprimon, ke „Esperanto, la universala lingvo necesega por la unuiĝo de popoloj en la estonto, estu konsiderata en la superaj Konsilantaroj de la sendependaj Asocioj de Francujo, Hispanujo, Belgujo, Kanado, Brazilujo kaj Usono, tiamaniere ke fariĝu ebla la korespondado inter la anoj de la granda familio mutualista de la tuta mondo. Pro tiu sukceso granda danko estas ŝuldata al S-ro C. Dugas, la Prezidanto de la „Colonisation française".

.·. *Esperanto kaj asekurado.* — La grava brita vivasekura societo „The Colonial Mutual" eldonis Esperantan broŝureton pri sia celado. La speciala Esperantista korespondanto kaj agento estas S-ro Rhodes Marriott, 9 Albert Square, Manchester.

Aliparte ni rememorigas, ke „Frideriko Vilhelmo", grava prusa akcia kompanio por viv- kaj garanti-asekuro eldonis Esperantan prospekton kun plena propontabelo. Sin turni al S-ro M. Gottgetreu, Herrenstr. 12, Hannover.

## TRA LA GAZETARO

.·. *Lingvo internacia* (Majo). Sub titolo *Esperantista Devo:*

„... Necese estas, ke la Esperantistoj bone komprenu, ke ilia esperantista devo ne simple konsistas en tio, ke ili legas de tempo al tempo ian gazeton, kiun ili eĉ ne abonis, ian novan libron, kiun ili prunteprenis el la grupa biblioteko; en tio, ke ili vizitas ĉiu-duaŭ kvarsemajne la kunvenon de l'klubo aŭ eĉ ĉiujare la kongreson. Lasante al kelkaj sindonemaj samideanoj la tutan ŝarĝon de la defendo de la lingvo kaj preskaŭ la tutan ŝarĝon de la monaj aferoj — ĉar ne senkosta estas la presado kaj eldonado de libroj kaj gazetoj — ili vere ne plenumas sian devon kaj, fakte, de Esperantisto havas nur la nomon. Tiu praktika indiferenteco de la esperantista amaso, tia „pasiva" kunlaborado neniam kondukos nin al la esperata venko. Plej grava eraro estas opinii, ke Esperanto povos triumfi dank'al la sola agemo de kelkaj sinforgesaj apostoloj. Kia ajn estas ilia energio, ilia kuraĝo, se apud si ili ne trovas la efikan apogon de serioza, firma kaj oferpreta anaro, ilia voĉo iom post iom malfortiĝos ĝis fina silento. Danĝerplena estas la apartigo de la Esperantistoj en tiuj ĉi du klasoj: unuflanke la „Eminentularo", kies respondeco estus grava, aliparte la aliaj, kiuj havus nenian respondecon. Ni kontraŭe devas konvinki ĉiun novan adepton, eĉ plej modestan, ke li ankaŭ havas ian respondecon, ke de li ankaŭ dependas la sukceso de nia movado..."

.·. *Le Monde Espérantiste* (majo). *La interna propagando* (P. Fruictier):

„... La universala akcepto de lingvo internacia povas fariĝi nur se la plimulto de la homoj trovas materialan tujan profiton en la lerno de tia lingvo; ĝis la tempo, kiam nia movado estos puŝata nur de idealistoj, ni ne povos progresadi multe, ĉar la nombro de tiaj idealistoj estas bedaŭrinde tre malgranda kaj ĉar la cetero de la mondo restas indiferenta al ĉio, kio ne signifas por ĝi tujan materialan profiton aŭ plezuron. Sed tuj, kiam la fakto estas klare videbla por ĉiuj, ke, lernante nian lingvon, oni povas tuj oportune gajni monon, tiam estos certigita la triumfo de Esperanto, kaj ĉiuj niaj presejoj ne sufiĉos por presi sufiĉe rapide la necesajn lernolibrojn. Laŭ mia opinio, ni do devas kiel eble plej forte laboradi por doni al nia movado praktikan utilecon; ni devas helpi per ĉiuj fortoj entreprenojn, ĉu ĝeneralajn kiel UEA, ĉu specialajn, kiel

esperantistaj asocioj de fakuloj, ĉar nur tiuj organizaĵoj povas doni al nia afero la praktikan, utilan flankon, mi preskaŭ skribis fundamenton, kiu mankas al ĝi…"

.˙. *La Revuo* (junio). *Babilado* (C. Bourlet):

„… Du malsamaj kaj malkonverĝantaj tendencoj ekzistas en nia anaro, koncerne la pliriĉigon de nia lingvo. Unuflanke, Esperantistoj, kies patra lingvo ne uzas kunmetitajn vortojn, emas alpreni ĉiam novajn radikojn. Tiel ekzemple la Francoj, kies lingvo estas tre rigida, kiuj preskaŭ ne konas la kunmetitajn vortojn, volonte akceptas novajn radikojn, ilin konsideras eĉ necesaj tial, ke la kunmetaĵoj ŝajnas al ili ne sufiĉe precizaj kaj klaraj. Aliflanke tiuj samideanoj, kiel la Germanoj, kiuj kutimas formi multajn kunmetitajn vortojn, malŝatas la abundecon de novaj radikoj kaj penadas por esprimi ĉiujn ideojn kaj nomi ĉiujn objektojn per kunmetaĵoj. Kiam mi obstine, senlace postulas, ke nia Akademio laboru, tio tute ne signifas, ke mi deziras kaj petas, ke ĝi proponu al ni amason da novaj *radikoj*. Tute ne! Mi nur deziras, ke ĝi liveru al ni *vortojn*. Estus grava eraro imagi, ke la Akademio devas limi sian rolon al pli-malpli ofta aŭ perioda eldonado de novaj *radikoj*. Ĝi devas fari multe pli kaj liveri al ni ne nur radikojn, sed derivaĵojn kaj kunmetaĵojn."

.˙. *Germana Esperantisto* (junio) komencis la publikigon de bonega artikolo pri UEA kaj ĝia Jarlibro, verkita de nia fervora Del. en Dresden, S-ro J. Karsch.

.˙. *El Esperantista*, monata organo de la hispana societo por la propagando de Esperanto kaj de la Esperantista militista asocio hispana. (Redakcio: Batalla del Salado 60, Madrid).

.˙. Favoraj artikoloj aperis en: *Chemnitzer Tageblatt und Anzeiger* (3 majo); *Wernigeroder Zeitung* (21 majo); *Münster Anzeiger* (22 majo); *Bohemia*, Praha (22 majo); *Der Bund*, Bern (25 majo); *Goslarsche Zeitung* (26 majo); *Nürnberger Zeitung* (26 majo); *Grazer Tagblatt* (28 majo); *Werdauer Tageblatt* (28 majo); *Fränkische Zeitung*, Ansbach (28 majo); *Sächsische Volkszeitung*, Dresden (30 majo); *General-Anzeiger*, Reutlingen (30 majo); *Allgemeiner Anzeiger für Chemnitz* (31 majo); *Der Bahnbrecher* (N-o 5); *Lübeckscher Anzeiger und Zeitung* (1 junio); *Leipziger Neueste Nachrichten* (1 junio); *Basler Nachrichten* (3 junio); *Norddeutsche Allgemeine Zeitung*, Berlin (4 junio); *Danziger Neueste Nachrichten* (4 junio); *Allgemeine Zeitung*, Chemnitz (4 junio); *Journal de Genève* (25 marto kaj 30 majo); *Le Publicateur*, Meaux (28 majo); *La Semaine à Genève* (4 junio); *Bulletin Mensuel de la Fédération Postscolaire de Saint-Gilles* (N-ro 127); *The Morning Post*, London (20 kaj 23 majo); *Pittsburgh Telegraph* (17 majo); *The Warwick Argus* (26 majo); *The Maitland Daily* (29 aprilo); *La Gazzetta Camerinese* (17 majo); *Kurjer Kaliski* (31 majo); *Golos Belostoka* (29 majo); *Tampercen Sanomat* (28 majo); *Kansan Lehti*, Tampere (17 aprilo).

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Garantia kapitalo.**

**Listo de garantiantoj**

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 17.250 |
| 71. M. Fréchet, Poitiers | 125 |
| Frankoj | 17.375 |

Entute (ĝis la 10 junio) 71 Garantiantoj mendintaj 139 atestojn, valoro 17.375 frankoj (6950 Sm.).

Ni rememorigas, ke laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La monon oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank*, *Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.]

Poste la Garantiantoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al *Esperanto*.

**Esperantiaj hoteloj.** — Je la alproksimiĝo de la somero, kiam plimultiĝas la ĉiuspecaj vojaĝoj kaj karavanoj, ni rememorigas al ĉiuj niaj membroj, ke ili prefere vizitu la Esperantiajn hotelojn, kies listo aperis en nia Oficiala Jarlibro (eldono 1913, paĝ. 225—283). Tiuj hoteloj estas elektitaj de niaj Del. konforme al kondiĉoj de komforto kaj de prezo, taŭgaj por la tre granda plimulto de niaj membroj. Vizitante tiujn hotelojn oni bonvolu ĉiam informi la hotelmastron, ke tio okazis dank'al la Jarlibro de UEA. Ĉiujn plendojn oni alsendu al la koncerna Del. aŭ al la C. O. de UEA.

**Etato de la Esperantianoj.** — Je la 31 majo estas enkasigitaj de la Centra Kaso de UEA 5392 kotizaĵoj (el kiuj 142 subtenantoj).

*Fakaj membroj.* — Interŝanĝa Fako: 384; Laborista Fako: 21; Virina Fako: 54; Studenta Fako: 33.

En la jenaj lokoj estas pli ol 20 membroj: *Astrahan* (32), *Auckland* (30), *Augsburg* (20), *Barcelona* (46), *Berlin* (42), *Breslau* (59), *Bruxelles* (20), *Chemnitz* (21), *Cordoba* (31), *Canton* (27), *Danzig* (48), *Detroit* (30), *Dijon* (30), *Dresden* (135), *Edinburgh* (23), *Firenze* (39), *Glasgow* (22), *s'Gravenhage* (44), *Haarlem* (25), *Hannover* (42), *Kališ* (31), *Kiew* (37), *Königsberg* (20), *Krakow* (27), *Krefeld* (20), *Kristiania* (24), *Laval* (20), *Leipzig* (21), *Liverpool* (21), *London* (216), *Lyon* (51), *Madrid* (20), *Magdeburg* (21), *Marseille* (33), *Moskvo* (107), *München* (63), *Neuchâtel* (20), *New-York* (48), *Nice* (21), *Paris* (117), *Peterburgo* (34), *Philadelphia* (22), *Praha* (26), *Rheine i. W.* (20), *Servilla* (33), *Shanghai* (36), *Stuttgart* (26), *Trieste* (22), *Ufa* (24), *Valencia* (28), *Varsovio* (63), *Vinohrady* (20), *Wien* (22), *Worms* (26). Entute 54 lokoj.

**Statistiko.** — Jen la movado de la korespondaĵoj ĉe la C. O. de UEA dum majo 1913:

| Ricevitaj | Forsenditaj | Mandatoj |
|---|---|---|
| 1310 | 1767 | 185 |

Tuta sumo: 3262. Antaŭa monato: 3225. Antaŭa jaro (sama monato): 3398.

**Financoj.**

*Konteltiro de UEA por la monato majo 1913:*

| Enspezoj | Fr. | Elspezoj | Fr. |
|---|---|---|---|
| Membroj | 768. 32 | Oficejo | 80. 05 |
| Subtenantoj | 5. — | Salajroj | 485. — |
| Entreprenoj | 86. 20 | Korespondado | 190. 75 |
| Jarlibro | 41. — | Materialo | 50. — |
| Adm. Enspezoj | 2. — | Jarlibro | 81. 45 |
| | | Adm. Elspezoj | 38. 40 |
| | 902. 52 | | 925. 65 |
| Saldo | 23. 13 | | |
| | 925. 65 | | 925. 65 |

### Donacoj

Sharpe, Torquay Fr. 50. 60; A. Knegt, Java Fr. 2. 50; K. Martirosjane, Lozovaja Fr. 25. —; Martinet, Paris Fr. 20. 75; A. Ploussu, Grenoble Fr. 4. —; V. Kuhlin, Berdiĉev Fr. 4. 05; Szabuniewicz, Moskvo Fr. 2. 50; V. Novatny, Kralupy Fr. 10. —. Al ĉiuj donacintoj plej koran danzon!

### Novaj Delegitoj.

*Asakusa* (Japanujo, Tokio). — D.: M. Hikosaka, 33, Abekawamache.

*Barmen* (Germanujo, Rheinprovinz). — D.: Kurt Henke, Elberfeld, Hofkamp 28.

*Bexhill-on-Sea* (Anglujo, Sussex). — D.: C. W. Harris, 38-40, Sackville Road.

*Bognor* (Anglujo, Sussex). — D.: G. N. Travis, „Avilion" N. Bersted.

*Butte* (Usono, Montana). — D.: Ed. H. Fain, Oxford-Hotel.

*Ca-Foscari* (Italujo, Venezia). — SD.: Lupi Gino, scuola superiore di Commercio en Ca-Foscari.

*Chatham* (Anglujo, Kent). — D.: C. P. Isaac, 120, Rock Ave. Gillingham, near Chatham.

*Cosne* (Francujo, Nièvre). — D.: F-ino Marie Monsinjon, aux cours secondaires de jeunes filles.

*Danzig-Langfuhr* (Germanujo). — SD.: S-ino Arnold.

*Exeter* (Anglujo, Devonshire). — D.: F-ino A. Shapley, Westwood Spicer Road.

*Gross-Gerau* (Germanujo, Hessen). — D.: Martin Prestele, Elisabethenstrasse 59.

*Hailshaim* (Anglujo, Sussex). — D.: J. D. O'Dell, 37, Ersham Rd.

*Heidelberg* (Germanujo, Baden). — D.: Karl Link, Mönchhofstrasse 4 a.

*Jaèn* (Hispanujo, Cordoba). — D.: Juan A. Galan, Martiner Molina 9, Bazar Inglese.

*Kiŝinev* (Rusujo). — D.: D-ro Soloviev, 29, Bojukonskaja.

*Kronstadt* (Rusujo). — VD.: Georgo Samajlov, Sajdasnaja 19 kv. 8.

*Legnago* (Italujo, Verona). — D.: Giovanni Saggioni, Universitate di Padova.

*Maidstone* (Anglujo, Kent). — W. R. Edwards, 25, Buckland Hill.

*Moundsville* (Usono, West-Virginia). — D.: Herbert M. Scott, 1312, Purdy-Ave.

*Napoli* (Italujo). — D.: Rafaelo Bagnulo, Duomo 61. — VD.: Celestini Cercace, 14, Crociferi ai Miracoli.

*Peteoszeny* (Hungarujo, Hunyad). — D.: Ludoviko Jambor.

*Pietisjärvi-Kelva* (Finlando). — D.: Anthy Räty.

*Portrush* (Irlando). — D.: F-ino Stark, Hopedune.

*Romilly-sur-Seine* (Francujo). — D.: L. Lecorche, directeur d'école.

*Solingen* (Rheinprovinz). — D.: V. Saville.

*St-Maurice* (Francujo, Lot-et-Garonne). — SD.: F-ino Labroue.

*Trondhjem* (Norvegujo). — D.: Ragnvaed Rian, 18, Gamle Kongevej.

### Ŝanĝoj.

*London* — D.: (Kluba). John Gourlaj, 48, Headstone Rd. Harrow.

*Blois* (Francujo, Loire-et-Cher). — D.: S-ino Etienne, 14, rue Bourgneuf.

*Harrow-on-the Hill* (Anglujo, Middlesex). — D.: Arnold Gracey, St. Margaretes, Sussex Rd.

*Partick* (Skotlando). — D.: James A. Johnston, 3, Bals hagray Ave.

### Eksiĝoj.

*Balatonendred* (D.: Jambor); *Caracas* (D.: Perez); *Erlangen* (D.: Barnack); *Hiraklejo* (D.: Serkedakis).

## PRAKTIKAJ DEMANDOJ

V

6. *Pri la organizo de Esperantiaj Karavanoj* (sekvo). — Estas necese, ke la Karavananoj plene fidu la Karavanestron; sed la Karavanestro ankaŭ devas tuj montri, ke li vere kapablas ordoni. De tiam ĉiuj blinde obeos, kaj lia tasko estos multe pli facila. Precipe li devas kutimigi la vojaĝantojn ne perdi tempon, marŝi aŭ halti tuj, kiam li ordonis, kaj ĉefe ĉiam resti kune.

Tre facile en ĉiuj landoj la Karavanestro povos ricevi specialan vagonon aŭ almenaŭ specialajn vagonfakojn; tio estas tre dezirinda.

La biletojn la Karavanestro povas aĉeti en vojaĝoficejo aŭ senpere ĉe stacidomo, se li atendas rabaton. Li zorge kontrolu. Se estas individuaj biletoj, la Karavanestro mem devas ilin ĉiujn konservi, por eviti perdon.

Por en aŭ el-vagoniĝi, la sinjoroj estas petataj porti ĉiujn pakaĵojn de l'sinjorinoj.

De hotelo al stacidomo aŭ male, estas preferinde, ke hotelservisto transportu la pakaĵojn sur veturileto.

Alvenante en hotelon, la Karavanestro mem difinas ĉambron por ĉiu, kaj zorge notas la numerojn de l'ĉambroj de ĉiuj. Antaŭ la forveturo, li kontrolas, ĉu ĉiuj vekiĝis, kaj rapidigas la malfruulojn.

Je ĉiu manĝado la Karavanestro konigas detalan programon por la sekvonta posttagmezo aŭ mateno; li difinas vekhoron (1/2 da horo pli frue por la sinjorinoj).

En la hoteloj la Karavanestro pagas la ĉambrojn kaj la trinkmonojn (tre diversajn laŭ la landoj; oni studu pri tio la Jarlibron de UEA). Plejofte (krom en Nederlando kaj Danlando) estas pli facile, se ĉiu mem pagas aparte la matenmanĝojn; tiel ĉiu elektas laŭplaĉe la manĝaĵojn aŭ trinkaĵojn. Same por la trinkaĵoj dum la aliaj manĝoj (escepte en Franclando, kie la prezo de l'vino estas entenata).

Ĉe la restoracioj, la menuoj devas esti antaŭfiksitaj kun la prezo. Ne estas eble fari diversajn menuojn laŭ la personoj. En kelkaj landoj ĉiu devas pagi aparte la panon. La Karavanestro zorgu, ke la kelneroj servu rapide.

Kompreneble la Karavanestro devas ĉiam kaj ĉie postuli kvitancon.

Por tramveturado, se ĉiuj Karavananoj ne povas eniri la saman vagonon, la Karavanestro elektas helpanton, kiu en la dua vagono pagas por ĉiuj.

Por eniro en ekspoziciojn aŭ muzeojn, la Karavanestro zorge kalkulu kun la kontrolisto la nombron de la Karavananoj, kaj poste pagu. Ĝenerale, laŭ antaŭa interkonsento, oni povas ricevi rabatojn.

Dum la promenadoj sur la stratoj, estas nepre necese, ke ĉiuj restu kune por ne vojerari; tiam flageto estas utila.

Por ĉio supredirita la loka Delegito aŭ lia anstataŭanto alportas gravan helpon; tamen estas necese, ke la Karavanestro parolu la nacian lingvon.

La Karavanestro devas tre atenti, ke la Karavano ne tro perdu da tempo kaj precipe ne maltrafu vagonaron. *Prokrastoj ne devas ekzisti.*

Laŭ persona, tre malagrabla, sperto mi scias, ke ofte dum vojaĝo aŭ dum promeno la Karavano renkontas aliajn Esperantistojn aŭ eĉ Esperantianojn, kiuj ne aliĝis la Karavanon, sed kiuj volas ĝin sekvi. La Karavanestro devas antaŭe publikigi, ke li ne akceptos ilin, kaj esti tre severa pri tio. Ĉar tiuj personoj naskas tre grandan embarason, erarigas por la kalkuloj kaj ĉiam plendas. La Karavanestro ilin forigu senkompate. *Kiu ne volis pagi por la Karavano, tiu ne profitu ĝin.*

Multaj neantaŭvideblaj okazoj atendas la Karavanon; la Karavanestro estu ĉiam preta venki ĉiun malfacilaĵon. Li faru ĉion eblan por faciligi kaj agrabligi la vojaĝon de la Karavananoj; tio estas lia tasko; per tio li tre utilos al UEA.

Kompreneble mi tre plezure donos al ĉiu aparte pli detalajn klarigojn, se oni bonvolos min demandi.

*L. Poncet* (Del. Lyon).

# Esperantia Vivo

**Naskiĝo.** — Al S-ro N. Foss, Del. Ufa, naskiĝis filo.

**Morto.** — Konatiĝinte kun S-ro H. Mare, Del. en Portsmouth, dum la Aŭgsburga Kongreso, mi dolorplene aŭdis nur nun pri la suferoj kaj frua morto de unu el la plej bonaj en nia vico. Neniu kiel li komprenis la internan senton de nia movado, neniu laboris tiel favore kiel li, ĝis lia troŝtrecita koro haltis. Pacon al lia cindro!

*E. Ulitzch* (Del. Gera).

**Edziĝo.** — F-ino Durieux, filino de S-ro Durieux, fervora propagandisto en *Lille* kun S-ro R. Roget.

# Esperantia Parolejo

## Peto

S-ro D-ro *Sos,* Del. en Wien, ricevis antaŭ kelka tempo de angla Esp-iano leteron kun 3 resp.-kuponoj por ricevi aŭstriajn markojn. Tiu letero kun la adreso estis bedaŭrinde perdita de la Wien'a Del., kiu tre petas la diritan Esp.-ianon sendi al li denove lian adreson.

## Atentigo

Mi konsideras kiel devon atentigi la Esp-ianojn pri la agoj de du trompŝtelistoj, kiuj agas nun en la Pariza regiono kaj kies unu el la viktimoj mi estas. Tiuj individuoj, kiuj sin prezentas ĉe Esperantistoj, diras ke ili estas, unu sviso, la alia anglo, kaj per diversaj pretekstoj provas ricevi monon de siaj vizitatoj. Jen ilia priskribo: tiu kiu pretendas esti suiso estas 35 ĝis 38 jara kaj mezuras ĉirkaŭ 1,70 m; li sin diras skribisto. Li estis vestata per malhela blua jaketkompleto, kaj estis facile rekonebla pro du cikatroj ĉe la kolo. La alia estas 18 ĝis 20-jara, mezuras ĉirkaŭe 1,65 m. kaj tute ne parolas, sub la preteksto, ke li konas nek la Esperantan, nek la francan lingvon.

# Alvokoj

## Galiciaj kuraclokoj

La Esperantianoj, kiuj bezonas taŭgajn informojn pri la ĉefaj Galiciaj ban-kaj kuraclokoj Krynica, Zegiestow, aŭ intencas ilin viziti, estas petataj turni sin al S-ro *Izdebski,* Del., ul. Kolejowa 870, Nowy-Sacz (Galicio, Aŭstrio).

## Ekskurso al Versailles

La Delegito de Versailles apud Parizo, S-ro L. Chilard, ankaŭ sekretario ĉe la Iniciata Sindikato por turismo, kore akceptos kaj gvidos la samideanojn, kiuj bonvolos veni por viziti la grandan Palacon de Versailles, la belan parkon, la famajn akvoludojn, je la unua dimanĉo de Julio, 6 Julio dum la libertempoj. Alia akcepto kaj gvidado okazos la unuan dimanĉon de Aŭgusto, 3 Aŭgusto. Ĉiuj esperantistoj, kiuj intencas viziti Parizon, bonvolu antaŭsciigi la Delegiton en Versailles, S-ron *L. Chilard,* 4, rue Bertin, aŭ ĉe sidejo de la Iniciata Sindikato por turismo: 39, rue Duplessis.

## Invito al la Esperantistaro: Ekspozicio en Breslau

Kiel vi certe scias, nia urbo aranĝas en ĉi tiu somero grandan kulturhistorian kaj ĝardenkulturan ekspozicion.

La urbo fariĝis esperantia entrepreno, presigis prospektojn pri la ekspozicio en Esperanto, sendis ilin al la Del. de UEA, tradukigis de nia grupo ilustritan gvidlibreton tra Breslau, donante al ni por ĝia presigado (5000 ekzemplerojn) 150 Sm., plue ĝi disponigis al ni 3 ĵurnalistajn kartojn, resume nia urbestraro ĉiumaniere uzis Esperanton kaj UEA por diskonigi ĉiulande sian ekspozicion.

La 20 Majo la ekspozicio estis oficiale malfermata de la germana Kronprinco, kaj oni aŭdas de ĉiuj vizitintoj kaj legas en ĉiuj gazetoj nur vortojn de alta laŭdo pri la absoluta perfekteco kaj stilgrandeco de la aranĝo. Precipe la grandega festhalo, kiu havas lokon por 5000 personoj, estas monumenta konstruaĵo, kiu daŭros jarcentojn. La ekspozicia halo, t. e. dua granda konstruaĵo, enhavas 58 salonojn, en kiuj la vizitanto trovas interesegan kolekton da memoraĵoj pri la grava epoko 1813, kaj akiras profundan envidon pri la tiama kulturo. La ĝardenkultura ekspozicio estas, laŭ la unuanima opinio de kompetentuloj, unu el la plej grandiozaj kaj ampleksaj siaspecaj. La tuta ekspozicio havas treegan pejzaĝan ĉarmon, ĉar ĝi sidas meze en vastega jarcentaĝa parko, kiu per si mem estas vidindegaĵo de nia urbo.

Tial ni rajtas diri, ke nia ekspozicio estas plene sukcesinta kaj vidinda entrepreno, kaj ni kore invitas la ĉiulandan samideanaron viziti nin en ĉi tiu somero.

La granda sukceso, kiun havis nia pasintjara invito al la Esperantistoj restadi, traveturante al Krakovo, kelkajn horojn en Breslau, kaj la promesoj de multaj el la vizitintoj reveni plej eble baldaŭ, esperigas nin, ke ni ankaŭ en la venontaj monatoj vidos ĉe ni multajn samideanojn.

Ni petas, ke ĉiu el vi, kiu volas viziti nian urbon, tion al ni sciigu plej eble baldaŭ. Ni zorgos pri malmultekostaj loĝejoj en la Esperantiaj hoteloj, atendos vin ĉe la stacidomo, kaj havigos al vi laŭpove la gvidadon kaj akompanon de gesamideanoj dum via ĉitiea restado. Plue ĉiuposttagmeze deĵoros alterne gesamideanoj de 4 ĝis 8 h. en la ekspozicio, por doni informojn al esperantistaj fremduloj, por ke ili havu plej eble grandan ĝuon el siaj vizitoj.

Kvankam nia urbo ne havas tian centran geografian situon, por povi esperi la viziton de miloj el la okcidentaj kaj sudaj landoj, tamen el Aŭstrio, Polujo, Rusujo, Danujo, kaj la orientaj landoj ĉiujare miloj preterveturas Breslauon. Ni petas ĉiun, kiu en ĉi-tiu somero estas proksime al Breslau, ke li venu kaj restu ĉe ni 1—2 tagojn.

Vi ne pentos ĝin, ĉar la ekspozicio kaj ni, Esperantistoj, zorgos, ke vi kunportu agrablajn impresojn kaj rememorojn.

Sed ne nur por nia urbo kaj ĝia ekspozicio mi direktas al vi ĉi tiun koran inviton, sed ĉefe pro Esperanto. Tia ekspozicio estas bonega okazo, por montri al la granda publiko la treege praktikan valoron de internacia lingvo. La urbo Breslau uzis por sia entrepreno la servojn de la lingvo kaj de UEA; ĝi konfesas do principe ilian necesecon.

La Esperantistoj devas nun pruvi al la urbestraro, ke fakte multe da fremduloj per tio havis agrablaĵojn kaj plifaciligojn dum sia vizito, kaj ke tiu cirkonstanco parte instigis ilin al la vizito.

Se ekzemple dum somero nur 100 Esperantistoj en- kaj ekster- precipe najbarlandaj vizitus nian urbon, se ili per la helpo de la Esperantistoj loĝus kaj vivus pli malmultekoste, daŭre havus akompanantojn, kaj tiel agrable pasigus la restadon en societo de bonaj kamaradoj kaj samintersuloj, ili nur, hejmen veninte, bezonus sendi poŝtkarton en Esperanto al la Breslaua urbestraro, en kiu ili, nur tute laŭfakte, sciigas, ke ili uzis la helpon de Esperanto kaj UEA, kaj per tio ilia vojaĝo plifaciliĝis kaj pliagrabliĝis. Ĉar la urbestraro turnus sin al ni pro la traduko de ĉi tiuj korespondaĵoj, ni povus kopii ilin, kaj uzi por la ĝenerala ĉiuloka propagando.

La vizitontoj povus ankaŭ skribi similenhave al la gazetaro de Breslau, de siaj hejmurboj kaj al ties urbestraroj, kaj montri al ili, kiom valora por ili estis en fremdlando Esperanto, kaj tiamaniere, urbestraroj, gazetistoj kaj la granda publiko konstatus, ke jam ĉiulande ekzistas homoj, kiuj per praktika organizo forigas en eksterlando ĉiujn malfacilaĵojn kaj ĉie trovas helpemajn homojn, kiuj praktikas homan solidarecon de altkultura jarcento.

Tiamaniere ĉiu el ni povas sen granda peno kaj monoferoj helpi al la enpenetrado de Esperanto en la ĉiutagan vivon.

Mi esperas, ke mia alvoko trovos fortan eĥon en la vicoj de la Esperantistaro.

*Georg Mahn*

(Del. de UEA, *Breslau,* Albrechtstrasse 43.

## Kiu volas helpi?

Ekkoninte, ke la senpera propagando de Esperanto ankoraŭ renkontas multajn malhelpaĵojn precipe ĉe la ĉiutaga gazetaro, mi intencas ekiri tute specialan vojon, por nerimarkite konvinki la germanan gazetaron pri la taŭgeco kaj valoro de Esperanto por la internacia raportado. Por atingi ĉi tiun celon, mi serĉas en ĉiuj landoj *fidindajn kaj sufiĉe lertajn korespondantojn*, kiuj povos liveri al mi la necesan materialon en formo de pli-malpli longaj raportoj pri komuninteresaj aferoj, okazintaĵoj k. t. p. el sia lando aŭ regiono. Kompreneble la raportoj estas verkotaj nur en Esperanto.

Samideanoj, kiuj volas helpi min en tiu ĉi grava eksperimento kaj eble eĉ profiti malgrandan honorarion, estas petataj, turni sin al mi, por ke mi sendu al ili la detalajn kondiĉojn. Mi preferas tiujn kunlaborantojn, kiuj jam verkis por Esperantaj gazetoj, kaj mi petas, ke ili nomu al mi la koncernajn gazetojn aŭ sendu al mi pruvaĵon de sia laboro por ekzameno.

*Friedrich Ellersiek*
redaktoro de Germana Esperantisto
*Berlin S 59*, Wissmannstrasse 46.

## Al la orientaj vizitontoj de nia mondkongreso!

Kiu vizitas mondkongreson, tiu ankaŭ estas vera Esperantisto, kaj de tiu, mi estas rajta peti helpon por la pliviglIgo de la Esperanto-movado en Orient-Germanujo per tre simpla maniero, kiu kostus al vi nek penon nek monon aŭ laboron, sed kontraŭe devus faciligi al vi la vojaĝon tra nekonata lando.

Mi estas preta gvidi *Esperantian karavanon* trans Germanujo ĝis Stuttgart, kie ni povas intermiksiĝi kun la karavano de S-ro P-ro Christaller por komuna vojaĝo al Berno.

Se ankaŭ nur malmulte da samideanoj — eble el Rusujo, Polujo, Ĥinujo kaj Japanujo — trapasos Brombergon ni tamen estos sufiĉe granda karavano, ĉar el Bromberg 6 gesamideanoj vojaĝos al Berno. Forveturo el Bromberg la 17 aŭ 18 Aŭgusto trans Berlin, Leipzig, Nürnberg kun vizito de la ekspozicio en Leipzig. Laŭ deziro ni ankaŭ povas viziti aliajn famajn lokojn. Bonvolu turni sin kiel eble plej baldaŭ al la Del. de UEA,

S-ro *Szymanowski*, supera teknika sekretario de la fervojo, Werdstrasse 23 I, *Bromberg*.

## Poŝtuketo Esperanto

La Esperanta Societo St. Gallen (Svisujo) intencante konigi la St-Gallen'ajn brodaĵojn en la Esp. rondoj, eldonis beletan Esperantan poŝtuketon, kiu estos ĉarma propagandilo. Prezo: 3 Sm po dekduo.

*H. Kürsteiner,*
Lämmlisbrunnen 60, *St. Gallen* (Svisujo).

## Maristoj

Aŭdinte, ke dum la vizito de Prezidanto Poincaré (kiu okazos dum junio), francaj militŝipoj restos almenaŭ du tagojn en la haveno, la Del. kaj ĉitieaj Esperantianoj estus tre ĝojigitaj, se oficiroj aŭ maristoj samideanoj, kiuj vizitos la urbon, bonvolu skribi al la Del.: L. Wright, 293, Turyforst Ave, Portsmouth (Anglujo), por ke li povu fari aranĝojn por renkonti ilin. Tiel farante ili grave servos al Esperanto inter Portsmouth'anoj. — *L. W. Wright* (Del. Portsmouth).

## Kie pasigi libertempojn?

Estas la demando, kiun ĉiuj starigas al si. Unu bonan konsilon! Travidu la *francajn Ardenojn*, iliajn admirindajn pejzaĝojn, iliajn famajn rokojn de la „Meuse'a" kaj „Semoy'a" valoj.

Informoj de la Del. de UEA en *Charleville*.

## Ekspozicio

Somere 1913 (de 28 Julio) oni aranĝos ĉe la Amuro distriktan ekspozicion, en kiu estos Esperanta fako. La Komitato petas la samideanojn sendi diversajn Esperantaĵojn laŭ la adreso: D-ro *A. Borisov* (por ekspozicio), Borso, Blagoveŝĉensk-ĉe-Amur (Siberio).

* * *

En Coimbra (Portugalujo), okaze de grandega festeno, mi deziras aranĝi Esperantan ekspozicion. Por tio mi petas, ke ĉiu bonvolu sendi al mi unu poŝtkarton de sia urbo kun teksto kaj poŝtmarko sur la bildflanko, aŭ la Esperantajn gazetojn de sia lando.

*Eaneŝ*
Alegria 87, Coimbra (Portugal).

esperantan prezaron de *J. Pion-Muller*, 21, rue de Lorraine, *Beaune*, Côte-d'Or, Franclando.

FILATELISTOJ. — Sendu 2 respondkuponojn al S-ro Basov, Orel, Rusujo, 2 Posadskaja kaj vi ricevos 3 belc litografitajn diversajn PK. kun vidaĵoj de rusaj PM.

FRANCA STUDENTO en Juro, diplomita pri Esperanto, serĉas „au pair" restadon aŭ oficon dum kelkaj monatoj en Germanujo aŭ en germanlingva lando. — Plezure instruos francan lingvon. — Gaston Lelarge, 44, rue de la Cathédrale, Poitiers (Vienne, Francujo).

GRAVAJ INFORMADOJ PRI BRAZILUJO. — Bonvolu vidi mian detalan anoncon en Jarlibro de UEA 1913. — Delegito de UEA Carlos Chr. Muller, Joinville (Santa Catharina), Brazilujo.

LERNLUDO ESPERANTA. — Bonega ilo por komenculoj kaj progresuloj dezirantaj bone lerni nian karan lingvon. Sendu senprokraste poŝtmandaton aŭ ĉekon de unu spesmilo al Eldonejo Esperantista, adreso: J. van Dam, Kanaalstraat 38, Amsterdam, Nederlando.

PACPALACO, HAGO (Nederlando). — Sendu 3 respondkuponojn (30 Sd.) al Librejo „Espero", Prinsestraat 48, Hago, kaj vi ricevos afrankite unu belan bromgrizan bildon (18×28) de l'Pacpalaco.

PETO. — Dek-kvin 14-jaraj knaboj de la lernejo Potschappel deziras korespondadi kun eksterlandaj gejunuloj per il pk. Ili ĉiam kaj tuj respondos. Oni petas adresi al S-ro Walter Johne, instruisto, Dresdnerstr. 28, Potschappel, Germanujo, Saksujo.

SCIENCO KAJ ARTO. — En tuta mondo estas serĉataj korespondantoj, kiuj povus kun mi interŝanĝadi kartojn kun portretoj de famaj klasikuloj, artistoj, scienculoj k. t. p. Speciale preferataj estas bildoj de W. Stead, generalo Boot, Newton, Emerson, Trine, Vereŝĉagin, Carnegie. Ĉion oni bonvolu adresi al Esp. filantropia societo Leo Tolstoj, Osnabrück, Germanujo, Hotel Germania.

## Esperanta Biblioteko Internacia

Tiu ĉi biblioteko enhavas facilajn legaĵojn de ĉiulandaj eminentaj esperantistoj. Ĝi tial bonege taŭgas por ekzercado de la lingvo, ĉu dum la grupaj kunvenoj, ĉu per privata legado. Ĝis nun aperis N-oj 1—24. La kolekto estas daŭrigota.

*Ĉiu libreto enhavas 40—50 paĝojn.*
*Prezo por kajero 0.100 Sm (0.20 M)*
*(duoblaj numeroj 0.200 Sm).*
*Serio da 12 volumoj (afrankite) 1.250 Sm (2.50 M), eksterlanden 1.400 Sm.*

**Studo per Ludo** Kvartet-Ludo por amuzo kaj por lernigi la konversacion en Esperanto. Konsistas el 100 kartoj kun 100 zorgeme elektitaj frazetoj de la ĉiutaga vivo.

*Prezo. Sm 0.700 afrankite.*

**Germana Esperantisto** Duonmonata gazeto por la disvastigo de la lingvo Esperanto.

Oficiala organo de Germana Esperanto-Asocio.

| | |
|---|---|
| Eldono A, eliranta la 5an de ĉiu monato, celas la propagandon de Esperanto. | Eldono B, eliranta la 20an de ĉiu monato, estas pure literatura. En ĉiu numero ilustraĵoj. |

**Jara abonprezo por ĉiuj landoj M. 4.80 (2.400 Sm).**
**Ĉiu el ambaŭ eldonoj aparte M. 2.40 (1.200 Sm).**

**Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 1,**
Struvestrasse 40.

NOVA LIBRO:

D-RO ANDREO FIŜER. *Esperanta Legolibro*, dua eldono kompletigita, 116 paĝoj. — Prezo: Sm. 0,300.

D-RO ANDREO FIŜER. *Historieto de Esperanto* (premiita de la VII-a Kongreso), 48 paĝoj. — Prezo: Sm. 0,200. Haveblaj ĉe la aŭtoro (77, Elisaget-str. *Tiflis*, Rusujo) kaj en Universala Librejo (Genève). Transpagiloj de Ĉekbanko Esper. kaj internac. respondkuponoj estas akceptataj.



## ESPERANTO-TRANĈILO

Tre elegante farita kun nigraj ŝtalŝeloj kaj verda Esperanto-stelo . . . Sm. 1.— (M. 2.—)
kun blankaj ŝeloj kaj verda Esperanto-stelo . . . Sm. 0.75 (M. 1.50)

**Radet-bruligilo**

plej nova modelo . . . Sm. 0.40 (M. 0.80)

Petu la Esperantan prezaron.

**F. G. Jüngel, Dresden-A. 27.**

# KOMERCO

Akceptejo de novaj elpensaĵoj por disvastigi ilin en la Rusa Imperio

LODZ (Rusl-Polujo) Konstantinovska, 49

KOMERCO penegadas disvastigi kaj diskonigi ĉiujn ajn eltrovaĵojn, de la plej malgravaj ĝis la plej gravegaj.

Se vi deziras aĉeti aŭ vendi ion en Rusujo, plejbone Vi faras skribante antaŭe al „Komerco".

KOMERCO klopodas varbi por Rusujo laboremajn riprezentantojn por ĉiuj branĉoj de l'komerco kaj industrio.

KOMERCO esperas, ke la Esperantista mondo ankaŭ bonvolos ĝin subteni, por kio ĝi dankegas antaŭe.



**Inko "Pelikan"**

*ĉiulande estas ŝatata, ĉar ĝia perfekta kvalito mirinde agrabligas la skribadon. Havebla ĝi estas en ĉiu bona komercejo. Postulu prospekton esperantan No. 215 pri inkoj, skribrubandoj, karbopaperoj kaj aliaj kontorartikloj de la fabrikanto*

**GÜNTHER WAGNER**
**HANNOVER [GERMANUJO] KAJ VIENO [AŬSTRIO]**

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO